VIIa jaro. No 99 ★ Duonmonata ★ 20 Aprilo 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO : HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## PERESPERANTAJ PAROLADOJ

En la lasta numero de nia gazeto, nia ĉefredaktoro atentigis pri tio, ke ĉiu konscia esperantiano devas interesiĝi pri ĉiuj rimedoj uzataj por plialtigi la homaran kulturon. Inter ili oni devas senhezite enkalkuli la publikajn paroladojn. Nenio estas nuntempe pli ŝatata, nenio havas pli grandan, kaj pli meritatan sukceson. Paroladoj pri arto, literaturo, politikaj aŭ sociaj demandoj, pri lokaj aŭ ĝeneralaj historiaj faktoj, pri geografio aŭ sciencaj temoj, aerveturado, k. a., ĉiuj estas tute prave konsiderataj kiel unu el la plej bonaj helpiloj por pliklerigado de junuloj, kiel de maturaĝuloj. Dum kursoj vin devigas al regula ĉeestado unu aŭ du fojojn ĉiusemajne, se vi volas kompreni kaj profiti la instruon, dum libroj havas kelkafoje ne allogan aspekton kaj estas ofte skribitaj per ne populara, ne klara stilo, parolado sin trudas al via plaĉo per diskreta maniero, forprenante de vi hazarde nur du tri horojn de viaj liberaj momentoj, prezentante al vi la tutan materialon de longa kaj severa temo, por vi tute speciale preparitan de la paroladisto, per lerta recepto en belaspektan pilolon, kiun vi sendolore englutos.

Kiom da diverseco inter la paroladistoj ! Tiu ĉi, frake vestita, kun eleganta silueto kaj ne priripročeble kombita hararo, lulas sian publikon per belsonaj harmoniaj frazoj ; tiu alia, gaja dikulo, per spritaj kaj humoraj vortoj ridigas la aŭskultantojn kaj vekas ĉe ili samtempe simpation por sia propra persono kaj por la ideoj kiujn li prezentas ; aŭ, tria speco, tiu longbarbulo, kun demokrata vesto, per larĝaj energiaj gestoj kaj serioza mieno de apostolo, perforte altrudas sian fidon, sin turnante jen al la noblanimeco, jen al la koro de la ĉeestantoj. Ne ĉiam senmakula estas la sukceso. Ne al ĉiu homo estas naske donitaj la proprecoj necesaj por fariĝi talenta kaj elokventa paroladisto. Sed al ĉiu homo kiu simple kaj precize prezentas ideojn kaj faktojn iom zorge kaj klare kunmetitajn, ĉiam simpatian akcepton rezervas la publiko. Cetere li estas helpata en plej alta grado, per kelkaj el la lastaj sciencaj elpensaĵoj, nome la lumbildoj kaj kinematografo. Per ili la ĉeestantoj forportos ne nur abstraktajn kaj rapide forgesotajn ideojn kaj konceptojn, sed ankaŭ imagojn kiuj agrable kaj fidele restos en ilia memoro.

* *

Ĉiuspecajn paroladistojn, ofte tre talentajn, ĉiam tre entuziasmajn por nia movado, kaj ankaŭ ĉiujn helpajn rimedojn ni jam uzis en granda nombro por nia Esperanta afero, al kiu ili multe helpis. Sed al ĉiuj ne blindaj samideanoj ŝajnas klare ke la tempo de la pure propagandaj paroladoj por la lingvo internacia jam grandaparte forpasis. Certe en la landoj ankoraŭ novaj por nia movado, kie restas multaj personoj nenion sciantaj pri Esperanto, estas tre utile klarigi unu fojon por ĉiam, antaŭ la kleraj kaj progresemaj homoj de ĉiu urbo, kial la problemo pri neŭtrala lingvo estas tute kontentige solvita per Esperanto ; kiel per sennombraj eldonaĵoj kaj gazetartikoloj, per ne malmultaj regionaj kaj internaciaj kunvenoj kaj tutmondaj kongresoj, nia lingvo pruvis sian taŭgecon kaj paroleblecon ; kiom certe ĝi estas nun la tute preta interkomprenigilo por ĉiuj movadoj, intelektaj, turismaj aŭ komercaj kiuj celas etendiĝi super la naciaj kaj lingvaj baroj.

Sed, en la ĉefaj landoj de l'mondo, en Rusujo, naskiĝlando de nia afero, en Francujo, Anglujo, Germanujo, k. a., kie poste ĝi tiel ĝojige disvastiĝis, la supre nomitaj propagandaj paroladoj jam ne multe taŭgas. En preskaŭ ĉiuj gravaj lokoj tiaj paroladoj jam okazis ĉiam sukcesplene. La plej progresemaj homoj, unue varbeblaj, aŭdinte pri Esperanto per loka aŭ nacia gazeto, tuj alkuris al la parodisto kiu venis por plendetale klarigi la demandon; ili foriris el la paroladĉambro havantaj nenian dubon ke teorie nia afero estas tre interesa kaj subteninda; ofte ili aĉetis gramatikon aŭ almenaŭ ĉefeĉan ŝlosilon kaj eklernis nian lingvon.

Tamen okazis ke, de tiu tempo la loka Esperanto-movado, iom brila en la komenco, senkaŭze, ŝajnas, nur vivetas post kelkaj jaroj; malkvietaj pro ebla malsukceso, la estroj de la loka societo venigis duan paroladiston. Tiu ĉi, scianta la ekdormantan staton de la tiea Esperantisma afero, obeas la tenton skui la ekdormantojn per trograndigoj. Li montras la diversajn grandajn registarojn sendantaj reprezentantojn en la internaciajn Esperanto-Kongresojn kaj pretaj enkonduki laŭleĝe nian lingvon en ĉiujn lernejojn kaj en la publikajn administraciojn; li parolas pri la gravaj Societoj kiuj favore voĉdonis por ĝi; pri la tutmonde konataj firmoj, kiuj ĝin uzas, per ĝi presigas katalogojn, k. c. Kelkafoje ankaŭ, ĉu per iu legaĵo, ĉu per interparolado kun ĉiuj ĉeestantaj esperantistoj, la paroladisto celas doni plaĉan specimenon de nia lingvo. Verdire, okazas ofte ke, post tiu dua poresperanta parolado la ĉeestintoj estas ne pli multe konvinkita ol post la dua. Tute male, okazas kelkafoje ke, malgraŭ ĉiuj penadoj de la paroladisto, duboj, malbenitaj kaj malkonstruantaj duboj, komencas eniri en sian kapon. Li vole ne vole komparas kun la diroj de la paroladisto, la staton de Esperantismo en sia propra urbo, en kiu li vidas nek gravajn asociojn uzantajn Esperanton, nek konatajn firmojn eldonantajn per ĝi komercajn prospektojn. Li estas en la situacio de presisto aĉetonta presmaŝinon, al kiu iu fabrikisto jam de longe laŭdis elokvente aparaton de li elpensitan, sed el kiu ĝis nun eliris nur presprovaĵoj. Anstataŭ speciale por li faritaj presprovaĵoj, li preferus vidi la maŝinon en funkciado en bona presejo, kaj ĝin tie trankvile ekzameni.

* *
*

Nia publiko ankaŭ estas satigita per Esperanto-provaĵoj, per promesoj kaj esperoj. Ĝi nun jam volas realaĵojn. Vi diras ke per Esperantismo oni povas mirindaĵojn; ke per ĝi oni plifaciligas kaj plibonigas la ĉiuspecajn rilatojn inter la homoj: pruvu ĝin. Anstataŭ ĉiam ripeti al viaj aŭskultantoj, ke tiu vualo, kiu ilin disigas de la tutmonda vivado, kaj de la ĉiunacia arta aŭ scienca movado, kaj kaŝas de ili la naturbelaĵojn de la malproksimaj landoj, povas esti forigita per Esperanto kaj U. E. A., simple forŝiru la vualon. Ĵetu ilin sur la mondscenon, interkonigu ilin kun alilandaj samideanoj, organizu karavanojn, por ilin konduki fremdlanden; aŭ se al vi kaj al ili mankas por la efektivigo de tiu lasta projekto la mono aŭ la tempo, pli simple venigu ĉe vian urbon paroladiston kiu, per Esperanto parolos al ili pri sia lando.

Ĝuste nun prezentiĝas al vi bonega okazo. Agema kaj lerta esperantiano, S-ro Parrish, komerca konsulo de U. E. A. en Los Angeles (Kalifornio, Usono) jus forveturis Eŭropon por fari paroladaron pri Ameriko. Bone atentu ke li neniel intencas paroli pri Esperanto; li ankaŭ ne volas aldoni novan Esperanto-provaĵon al la aliaj, multegaj, ĝis nun ĉiuflanke jam faritaj. Li konsideros nian lingvon kiel ne pridiskuteblan fakton, kaj ĝin uzos tute simple, tute nature, kiel aliaj sian nacian, por konigi al vi unu el la plej belaj regionoj de l'mondo, Kalifornion, ĝiajn altegajn montarojn, ĝiajn grandiozajn valojn, gigantajn arbojn, riĉegan vegetadon, kaj samtempe sciigi al la loĝantoj de l'malnova mondo pri la mirinde disvolviĝinta civilizacio de l'nova.

Per tia parolado vi konvertos al Esperantismo viajn samurbanojn multe pli certe ol per la tiel nomitaj propagandaj paroladoj. Vi anoncu simple « publikan paroladon pri Ameriko kaj Kalifornio, kun lumbildoj, farotan de S-ro Parrish, el Los Angeles, sub la aŭspicioj de U. E. A. kaj de via Esperanto Societo. » Vi neniel anoncu ke S-ro Parrish parolos en Esperanto: tio fortenus tro multe da personoj. Sed iu lerta samideano, ekzemple la Delegito de U. E. A. aŭ Prezidanto de la loka Societo, nacilingven resumu la paroladon kaj traduku ĉiujn klarigojn kiujn li donos post montro de ĉiu lumbildo. Ĉar la kliŝaĵoj estos tre multaj, ĉiuj kolorigitaj, kaj prezentos la plej belajn naturscenojn ie videblajn en la mondo, estas nenia dubo ke la publiko ne esperantista, neniel bedaŭros sian ĉeeston. Pri la detaloj de la organizo de tiu parolado, mi ne volas ĉi tie paroli: ĉiu Societo faru laŭ sia bontrovo, laŭ la lokaj kutimoj kaj bezonoj; speciale oni decidu, ĉu la eniro estos senpaga, aŭ ĉu per ĝi oni povos ricevi iom da mono por la loka kaso.

Ĉiuokaze, la entrepreno de S-ro Parrish, unua de tiu speco sisteme aranĝita, estos epokfaranta en la historio de Esperantismo. U. E. A. bondeziras al ĝi plej plenan sukceson kaj esperas ke ĝi naskos imitontojn.

Th. Rousseau.

N.-B. — Laŭ lasta informo S-ro Parrish forvojaĝis la 15-an de Aprilo. Li do petas, ke la grupoj aŭ societoj kiuj ne jam invitis lin kaj ne faris aranĝojn por lia parolado, sendu siajn invitojn kun garantioj da 25 Sm. petitaj de li por liaj elspezoj, senpere al la *Centra Oficejo de U. E. A., 10, rue de la Bourse, Genève.* Oni regule legu en nia gazeto informojn pri la rezultatoj de tiu interesa entrepreno.

U. E. A.

# Liberaj Vortoj

## Ni manĝu nin unu la alian!

Ŝajnas ke tia fariĝis la devizo de kelkaj Esperantistoj.

Mi ne nur parolas pri la ĝentilaĵoj, kiujn periode interŝanĝas iuj tiel nomataj « eminentuloj » — tio fariĝis tradicio — sed ankaŭ pri la mentaleco de kelkaj Esperantistaj kondukantoj en diversaj lokoj. Ne pasas semajno, mi ne volus diri tago, kiam ne venas al ni letero, en kiu la konduto aŭ personeco de tia aŭ alia samideano estas priskribata sub la plej nigraj koloroj. Kompreneble tuj poste alvenas el la sama loko alia letero, en kiu la situacio estas prezentata en tute mala, sed ne malpli nigra aspekto — kaj al ambaŭ ne mankas ŝajnoj de praveco. Eĉ virinoj nun ekpartoprenas en tiu koncerto!

Plej ofte la pretekstoj de malkonsento estas simplaj infanaĵoj, kiuj estus facile eviteblaj kun iom da bonvolo kaj tolereмо. En tiu loko, iu rifuzas aliĝi al U. E. A., ĉar la persono de la Delegito al li ne plaĉas, kvazaŭ U. E. A. mem ne estus io supera al la persono de siaj reprezentantoj, cetere regule ŝanĝeblaj; en alia, oni ne volas pagi sian kotizaĵon al Delegito, kiu ne apartenas al la sama raso aŭ al la sama nacia lingvo, kvazaŭ Esperantismo ĝuste ne celus forigi la rasajn kaj naciajn malkonsentojn; en tria, la grupoj tiel simpatie interrilatas, ke la plej granda parto de ilia agado konsistas en malhelpado de la laboro de l'alia. La plej klara rezultato de tiu mentaleco estas, ke la energioj estas direktataj al pure negativa laboro. Saman rimarkon oni povas fari pri la Esperantistoj, kiuj sin donas ekskluzive al la kontraŭbatalado de Idismo per ĉiuj rimedoj, kvazaŭ de tio Esperanto progresus per pli rapidaj paŝoj.

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## La granda lagaro Nord-Ameriko

Kiom da eksternordamerikanoj priscias la amplekson, la grandecon, kaj, je komercaj aferoj, la gravecon de la internaj maroj de la nordamerika kontinento? Kiom scias ke sur tiuj maroj, la kvin Grandaj Lagoj, kuŝantaj en la nordcentra parto de Usono kaj en la sudcentra parto de Kanado, troviĝas ŝiparo pli granda ol tiu de iu ajn nacio krom Granda Britujo kaj Germanujo? Kiom la konstato ne mirigos, ke la tuta tunkvanto da komercajoj portataj de ŝipoj enirantaj la havenon de Cleveland, Ohio, superas tiun de Liverpool kaj ke la Cleveland-a distrikto enhavas la plej grandan ŝipkonstruejaron en la mondo, krom unu alia — tiu de la Clyde en Skotujo? Kiom ne inklinos dubi je la eldiro ke la nombro da ŝipoj trapasantaj ĉiujare la Riveron Detroit, kiu kunigas la lagojn Erie kaj Huron, dekoblas la nombron trapasantan la kanalon Suez dum egala tempspaco? Kaj kiom sendemande kredos ke la tunkvanto portata tra ĉi tiun riveron ĉiujare estas pli granda ol la tunkvanto portata ĉiujare en ĉiujn havenojn de Granda Britujo? Kvankam surprizigaj kaj dubhavigaj, ĉiuj ĉi tiuj konstatoj estas atestataj kaj certigataj de la kolektitaj statistikoj de la du registaroj, Usono kaj Kanado.

La Grandaj Lagoj de Nordameriko estas kvin nombre, kaj nome estas, Superior, Huron, Michigan, Erie kaj Ontario. Kune ili estas la plej granda sensala akvaro sur nia tergoblo. Ili kuŝas inter 75° kaj 92° 0 k. Long. kaj inter 41° kaj 50 N. Lat. Ili fariĝas la landlimo inter Usono kaj Kanado je mil mejloj; la internacia limlinio trapasas tra la centro de ĉiu lago escepte en Michigan, kiu kuŝas tute en Usona teritorio. La tuta areo de la lagaro egalas 153.000 kilometrojn. Ĉi tia akvaro tute surkovrus Svisujon, Holandon, Belgujon, Danujon kaj Portugalujon, kaj plie restus sufiĉe da akvospaco por la dronigado de duondekduo el la respubliketoj en Centra Ameriko. La nivelo de ĉi tiu Interna Maro estas super la nivelo de Atlantiko 155 metroj; ĝia profundo kelkloke egalas 333 metrojn. La plej granda ŝipo konstruita aŭ konstruota povas sendanĝere veturi ĉi tiun maron, kaj ja la ŝipoj nun konstruataj por la lagveturado alproksimiĝas laŭgrandece al la plej grandaj sur la oceanoj. Dum la jaro 1907 estis konstruataj por la Grandaj Lagoj 75 ŝipoj, kaj el ĉi tiuj 14 havas longecon egalan al 154 metroj. La ŝarĝebleco de unu el ĉi tiaj ŝipegoj egalas 20.000 anglajn tunojn da ferŝtonoj aŭ karbo. Komprenebłe la konstrumaterialo estas la ŝtalo, kaj la mova forto la vaporo. Maristoj, tiaj kiaj estis tiuj de la malnovaj velŝipoj, ne troviĝas sur la vaporŝipoj de la hodiaŭo: la maŝinisto kaj la meĥanikisto estas anstataŭintaj ilin.

La ĉefaj komercajoj portataj sur la lagaro estas la ferŝtono, karbo, greno, faruno kaj lignajoj. Dum unu jaro moviĝis je ŝipoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ferŝtono | 42,000,000 Tunoj. | Salo, Kupro, Ŝtono | |
| Karbo | 21,525,000 — | Cemento, kaj Sablo | 1,000,000 Tunoj |
| Greno | 6,000,000 — | Neklasifikajoj | 6,650,000 — |
| Lignajoj | 760,000 — | | |

Nur per la plej modernaj maŝinaroj tiaj ŝarĝaroj estas movataj. La manlaboro ĉe la enŝarĝiĝo kaj senŝarĝiĝo de ŝipo estas jam de longe estintajo. La ŝipŝarĝistoj de antaŭaj jaroj ne troviĝas ĉe ĉi tiuj hodiaŭaj leviatanoj: maŝinaro mioble pli efika anstataŭis ilin. Ŝipo veturinta al Duluth por ricevi la ferŝtonon ricevos sian ŝarĝon — 10.000, 15.000 tunoj — en la daŭro de 2 horoj; 6 aŭ 8 horoj bezoniĝos por la senŝarĝiĝo. Ŝipo portanta 400.000 buŝelojn da tritiko al Buffalo senŝarĝiĝos en 12 horoj; tuj ĝi veturos al karbejo kaj post kvarhora resto tie estos preta por la vojaĝo okcidenten, ricevinte en sian holdon 13.000 tunojn da karbo. Dum la vetursezono sur la lagoj, kiu ampleksas ok monatojn, ŝipo veturanta inter la superaj regionoj kaj la havenoj de la lago Erie, faros 30 vojaĝojn, kaj da ferŝtono portos entute proksimume 400.000 tunojn. Ĉi tiu ferŝtono estas distribuata inter la multaj ŝtalfabrikejoj en Ohio kaj Pensylvania. Dek tagojn post kiam ĝi estas elfosita el la tero ĉe la ekstremo de la lago Superior, ĝi estos fabrikita en diversajn ŝtalajojn ĉe la fabrikejoj en Pittsburg, aŭ Cleveland, aŭ Lorain, kaj ĉi tiuj ŝtalajoj estos en la vendejoj pretaj por la aĉetontoj. Ĉe la interirejo inter la lagoj Superior kaj Huron, estas granda ŝipkanalo necesigata de la tiea rapidfluejo nomata Sault Ste. Marie. Ĉi tiu kanalo estas duobla, unu flanko apartenas al Kanado, la alia al Usono. Tra ĝi ĉiuj ŝipoj veturantaj de la superaj regionoj devas trapasi. Dum la jaro 1907 estis portataj tra ĝi 58.217.000 tunoj da komercajoj. Krom tiuj ĉe la kanalo de Panamo ĝiaj kluzoj estas pli grandaj ol iuj en la mondo.

Ne nur en la komercaj kaj industriaj aferoj de Usono kaj Kanado la Grandaj Lagoj estas gravega faktoro; ilia influo estas sentata en eŭropaj landoj ĉar ili helpas fiksi la prezojn de pannutrajoj tie. El la vastaj grenkampegoj de nordokcidenta Usono kaj okcidenta Kanado milionoj da buŝeloj da greno, tritiko, aveno, sekalo, hordeo, k. a., ĉiujare estas transportataj al Eŭropo. Sen la Grandaj Lagoj estus necese ke la fervojoj portu ĉion al marhavenoj, kaj pro la alta tarifo postulata de amerikaj fervojoj sekvus ke la prezo de la grenoj liverotaj al eŭropaj urboj estus pli kara. Kiel estas, la grenoj el la du Dakotoj, el Manitobo kaj Alberto estas portataj de fervojoj al la ekstremo de la lago Superior; ĉi tie ili estas enigataj en lagajn ŝipojn kiuj portas ilin tre malkare al Buffalo aŭ al Toronto kie ili estas translokataj en marŝipojn kiuj vojaĝas al Atlantiko laŭ la Rivero St. Lawrence.

La negoco kaj komerco sur la Grandaj Lagoj estas pligrandiĝantaj per mirindaj paŝegoj; oni ne povas konjekti, kia estos la stato post alia dekjaro. Jam la kanada registaro pripensis kaj antaŭaranĝis la konstruadon de ŝipkanalo inter la ekstremo de la Golfo Georgian, parto de la lago Huron, kaj la Rivero St. Lawrence. Tia kanalo malplilongigus la vojon inter la havenoj de Superior kaj la Rivero St. Lawrence je preskaŭ 1.000 kilometroj. Kaj je la venonta kunsido de la usona kongreso, propono estos farata pri la konstruado de kanalo ĉe la akvofaloj de Niagaro, kiu permesos la eniron en la lagojn de ĉiaj marŝipoj. La konstruado de tia kanalo signifus ke ŝipoj ricevinte ŝarĝojn ĉe Duluth povus veturi senhalte al Hamburgo aŭ Liverpool. La estonta disvolviĝo kaj vastiĝo de la negoco kaj komerco sur la internaj maroj de Nordameriko devas esti temo ne nur interesa al usonanoj kaj kanadanoj sed ankaŭ al eŭropanoj.

H. Hall (Cleveland.)

---

La laboro prozitiva kaj vere fruktodona estas sufiĉe vasta por ke al tiu, kiu sin dediĉos al ĝi, ne restos tempo zorgi pri personaj intrigoj kaj polemikoj, kaj, se inter ni ekzistas tiaj homoj, kiuj ne povas alie labori ol malnobligante tion, kio al ili ne plaĉas, pli bone estas, ke ili restu ekster niaj vicoj. Ne mankas en ĉiuj nacioj la politikaj partioj kaj sektoj, en kiuj iliaj negativaj talentoj kaj ambicioj povos libere ekzerciĝi.

Esperantismo bezonas antaŭ ĉio modestajn *laborantojn*; la kritikaĉantojn kaj disputemulojn ĝi volonte fordonacos.

H. H.

## Klarigoj pri mutualajoj

La franca « Leĝo pri la pensioj laboristaj kaj kamparanaj » publikigita la 5 de aprilo 1910 ekaplikiĝos la 8 de julio 1911. Tiu leĝo interesas multegon da Francoj, kiuj tamen scias preskaŭ nenion pri ĝia funkciado. Ni opinias, ke nefrancaj samideanoj ankaŭ legos kun plezuro la jenan klarigan dialogon inter avo kaj nepo.

Ĉu estas vere, avo, ke la Societo de Mutualeco igos vin rentulo per pensio superanta 40 Sm, se la 3 de julio vi estos kotizinta kvarfoje 0,3 Sm. ?

Estas vere, sed tio postulas klarigon. Unue la mutualeca Societo ne starigos mem mian rentumon tial, ke ĝi ne konservos la 0,3 Sm. pagotajn de mi dum julio, aŭgusto, septembro, novembro. Ĝi gluos sur la karto al mi sendita de l'urbestro kvar specialajn markojn por viroj. Unu marko vinjeto valoras 0,3 Sm. Tio faros 0,3 Sm. × 4 = 1,2 Sm. por mia pensio. Sed la Societo de Mutualeco ricevos, kiel *Societo Kolektanta*, rabaton 5 % el tiuj 1,2 Sm,, tio estas 0,06 Sm.

Kion faros la Societo per tiu sumeto ?

La Societo konservos ĝin, kiel pagon, ĉar la Societo zorgas pri la markgluado. la kotizregistrado, k. t. p.

Sed vi donis 1,2 Sm ! Kien ili iros ?

Iom da patienco, amiketo !... El ĉe la tabakvendisto, kiu vendis la markojn al la Societo, miaj 1,2 Sm. (kun multe da aliaj) iros ĉe la *Ŝtatan Mondeponejon*. Tiu ĉi gardos ilin ĝis kiam la Societo estos avertita de la Prefekto, ke miaj 1,2 Sm., valoro de miaj kvar markoj, estas enkalkulitaj en mian konton ĉe la *Mutualista kaso de Pensioj laboristaj kaj kamparanaj*, kaso kreita de l'*Unuiĝo Mutualista* en mia departemento.

Kiu sciigos tion al la Prefekto ?

Liaj oficistoj. Ili kontrolos la kartojn. La kartoj taŭgos por unu jaro. Kiam oni anstataŭigos ilin per aliaj, la oficistoj vidos sur mia karto, ke mi elektis la kason de l'Unuiĝo por starigi mian pension.

Sed se la kartoj taŭgas por unu jaro plena, kiel anstataŭigi la vian dum oktobro ?

Tial ke la leĝo ekfunkciadas. Same la karto taŭgos nur por jarparto se la naskiĝa datreveno de la kartposedanto lokiĝas je pli ol 3 monatoj post la 3ª de julio. Tiuokaze la karto estos anstataŭata dum la 3 tagoj jus antaŭantaj aŭ sekvantaj la datrevenon de l'asekurito.

Ĉu oni donos al vi novan karton ?

Al mi ne, ĉar miaj 65 jaroj estos pasintaj la 1an de novembro, kaj de post tiu dato mi plu ne devos kotizi.

Do la kaso de la mutualista Unuiĝo, por viaj 1,2 Sm. ja pagos al vi rentumon superantan 40 Sm. ?...

Ne, amiko mia, la rentumo starigita per miaj 1,2 Sm. kaj la 1,2 Sm. pagitaj de mia mastro, entute 2,4 Sm., estos nur tre malforta, sed la Ŝtato aldonos ĉiujare ĝis mia morto 40 Sm. el kiuj 24 Sm. devenos de rentumo por mi destinata de li, kaj 16 Sm. devenos de sumo por tio voĉdonita ĉiujare en la buĝeto.

Se mi komprenas, avo, vi ricevos de la Ŝtato ĉiujaran donacon.

Se vi volas, sed tiun donacon la Ŝtato faros nur al tiuj, kiuj, ĉe la venonta monato julio estos de post almenaŭ 3 jaroj en la antaŭvidita situacio por profiti la leĝon. Kiam sesdekjarulo ankoraŭ laboras kaj regule laboradis de sia 62ª ĝis 65ª jaro, tiam li estos prave konsiderata kiel vera laborinto helpinda. En la estonteco ĉiuj laboristoj kotizos por sia pensio. Nin, la maljunulojn, oni ne devigis kotizi. Pro tio la Ŝtato donos al ni ne nur la 24 Sm. donotajn al ĉiuj, sed plie 16 Sm. kvazaŭ kompenso, tial ke la Ŝtato prokrastis dum 25 jaroj la leĝon jus starigita.

Avo ! Ĉu al mi oni donos ankaŭ ĉiujare 40 Sm. kaj iom pli, kiam mi estos sesdekkvin jara ?

Vi ! Vi ricevos multe pli. Proksiman jaron vi estos dek tri jara. Baldaŭ vi laboros. Ni delkalkulu du militservojarojn... De la 13ª jaro ĝis la 65ª vi (kaj viaj mastroj) kotizos dum 50 jaroj. Tio portos ĉiujare al via konto 3,6 Sm. ĝis via 18ª jaro. Poste, la duoblon, 7,2 Sm. ĉiujare dum la sekvontaj 43 jaroj. Mi jam informiĝis, vi ricevos ĉirkaŭ 160 Sm., entenataj la 24 Sm. de la Ŝtato.

Mi do ricevos kvarfoje pli da mono, ol vi, avo.

Kvar kaj eble okfoje pli, ĉar vi povos pagi pluajn laŭvolajn kotizojn ne nur al la kaso de l'Unuiĝo sed ankaŭ al la Societo de Mutualeco, kiu posedas *komunan kason* ĉiam pli kaj pli riĉan kaj rajtos starigi pensiojn ĝis atingo de 144 Sm. Plie vi povas jam kotizi por la *Nacia kaso de Pensioj* ĉe la Lerneja Societo de Mutualeco. Grave estas komenci fruaĝe.

Sed, avo, atendi 60 jarojn !...

La leĝo ebligas, ke oni fariĝu pli frue rentulo, je la 55ª jaro ekzemple, sed tiuokaze rento, pensio, ŝtata aldono, ĉio malpliiĝas (1).

*Avizo.* — Konstanta rubriko pri Mutualeco stariĝos en *Esperanto* se la legantaro estas interesata, kaj se samideanoj en kelkaj landoj akceptos skribi artikolon laŭvice. Bonvolaj Esperantistoj-Mutualistoj estas petataj sin konigi por tio al la Redakcio de *Esperanto*.

Trad. F. Durieux (Lille).

---

## Kongreso por la morala edukado

Dum 1912, verŝajne je la fino de Aŭgusto, okazos en Hago la dua internacia kongreso por morala edukado. La homo ne nur bezonas instruadon, sed ankaŭ edukadon. Jes, instruado sen edukado eĉ povas esti danĝera. La infano bezonas ne nur instruadon por sia cerbo, sed ĝi bezonas ankaŭ direkton al la anima vivo, fundamenton por sia volo kaj deziro.

Estas bedaŭrinda fakto, ke en ĉiuj landoj, dum la hodiaŭaj tempoj, la nombro de junaj krimuloj altiĝas. De kie venas tio : Unu serĉas ĝin en la sociaj cirkonstancoj, alia en deveno kaj karaktero, sed la plej multaj en kombino de ambaŭ. La deveno de krimuloj montras, ke la rekrutoj de l'krimo estas plej multe trovataj inter la infanoj de drinkuloj, frenezuloj kaj la plej malriĉuloj. Ja, ne estas mirindajo ke el tia tero ne venas bonaj fruktoj. Tamen, kvankam la deveno kaj la karaktero estas grandaj faktoj, ni ne devas forgesi la edukadon, aŭ pli bone, la mankon de edukado. La unua rimedo kontraŭ la krimo estas edukado kaj apud tio oni ofte ankaŭ devas zorgi, ke infanoj ne vivu en krimulaj societoj. Ĉar kio helpas, kiam oni per instruado kaj ekzemploj lernigas civilizantajn kaj moralajn aferojn en la lernejoj, dum krimaj parencoj malestimas tiujn fundamentojn ? Ni devas pripensi ke la infano estas la patro de la viro. Tion, kion oni faras al la junularo, oni faras al la estontularo. Oni devas ne nur instrui la infanon, sed ankaŭ fortigi ĝian volon kaj formigi ĝian karakteron.

La estonta kongreso en Hago traktos pri morala, religia kaj korpa edukado ; pri edukado de nenormaluloj ; pri morala edukado en la universitatoj kaj la militistaj lernejoj. Ĝi ne okupas sin pri gepatra edukado, ĉar tiam la laborkampo de la kongreso estus tro granda. La kongreslingvoj estus holanda, franca, angla kaj germana. Kial ne Esperanto ? Ĉu la Internacia Asocio de Instruistoj povos fari nenion por tio ; ŝajnas al mi ke ĝi havas ankoraŭ sufiĉe da tempo por tio ĉi. Pri la financoj oni antaŭvidas unue la helpon de la ŝtato kaj preter tio ankaŭ de societoj kaj privataj personoj kiujn interesas la afero.

C.-Chr. Droogendijk (Del. Stavenisse).

---

(1) Artikolo publikigita sub la nomo de Emile Cayrel en « L'Avenir de la Mutualité », franca Bulteno de l'Internacia Federacio de la Mutualeco.

## « Standard Bread » Modela Pano

Jen du vortoj kiuj nuntempe estas la preskaŭ sola konversacia temo de la Britoj !

Parlamentanoj, episkopoj, sciencistoj, nobelinoj, dommastrinoj, servistinoj unuvorte ĉiu en Anglujo, Skotujo, Irlando kaj Kimrujo, en la urboj kaj en la vilaĝoj, ĉe riĉuloj kaj malriĉuloj la ĉefa interesaĵo estas la « Standard Bread ».

Kio ĝi estas ? Laŭ la diroj de la kuracistoj, dentistoj kaj aliaj istoj ĝi estas kuracilo de multaj se ne de ĉiuj malsanoj — Efektive ĝi estas nur pano farita el tritiko muelita per ŝtonaj mueliloj — la mueliloj de niaj praavoj anstataŭ la nunaj ŝtalaj mueliloj. La faruno ricevita de tiu premmaniero estas iom bruna ĉar ĝi enhavas parton de la tritika ŝelo, kiu ŝajne havas en si ĉiujn nutrajn partojn de la greno. Antaŭ kelkaj jaroj, 30 almenaŭ, — eble kelkaj legantoj memoros tion — la pano ĝenerale estis pli orbruna ol ĝi nun estas, ili ankaŭ memoros ke la popoloj estis pli fortaj, malpli nervemaj ol nun, kaj oni ne tiom aŭdis pri dentodoloroj, k.t.p. Nu, laŭ la nune esprimata opinio, tiu pli granda forteco, malpli granda nervemeco, la nekonateco de dentdoloroj, de apendicito, kaj aliaj suferaĵoj de nia generacio ekzistis nur dank'al bona, orbruna, kaj nutra faruno kiu estis uzata en la fabrikado de la ĉiutaga pano.

Malfeliĉe, je tiu epoko, — antaŭ tiuj 30 jaroj — estis sendita al tiuj landoj alilanda faruno blanka kiel neĝo. La kuiristinoj de la riĉuloj ĝin uzis. Kia bela pano, kiaj belaj kukoj, tute blankaj estis ricevitaj dank'al ĝi ! Kiel apetitodona ĝi estis ! Ĝi ŝajnis multe pli pura, k. c. k. c. En tiu momento, en kelkaj semajnoj, ĉiuj volis manĝi nur la belegan, neĝe blankan panon ! La ordinara orbruneta faruno estis forigata el la komuna uzado, kaj panistoj, kiuj ne volis uzi la nove enkondukitan aĵon devis bankroti.

Lastatempe, de almenaŭ ses ĝis ok semajnoj, la kontraŭo okazis : la antaŭe forjetita kaj malŝatata faruno fariĝis la sole taŭga, por la infanoj, la soldatoj kaj la parlamentanoj ! Ankaŭ kompreneble por vi kaj mi !

Manĝu « Standard Bread » kaj vi longe vivos ! Vi ne plu suferos ian ajn malsanon ! La Feliĉo envenos en viajn familiojn ! k. t. p... Estos tro multenombraj la bonaĵoj kiujn ni ricevos el la Modela Pano por ke mi povu ĉiujn citi.

Ne kredu, ke mi ŝercas ; tute ne ! Jen efektive la « Manifesto » eldonita de famaj britaj kuracistoj.

« Ni, subskribintaj, opinias ke estas urĝe fiksi la nutran valoron de modela pano vendota. Tia modelo estas jam leĝe deviga rilate al la lakto. La modeligo de pano estas ja pli grava fakto, ĉar pano kaj faruno formas la du kvinonojn de la nutraĵoj prenitaj de la laboristaj klasoj kaj estas ofte la preskaŭ sola vivigilo de multaj malriĉaj infanoj.

Pro la malsuperaj nutraj kvalitoj de la blanka pano kutime vendata en ĉi tiu lando, ni urĝe deziras ke estu farita leĝo ordonanta ke pano vendata kiel tia, escepte se montrata alie — estu farita el faruno tritika nefalsita kaj enhavanta almenaŭ 80 0/0 de la tritiko kun la ĝermo kaj la « semolino ».

Kaj nun mi donu la privatajn opiniojn de ses kuracistoj, dentistoj, k. c.

« 1e Jam de kvar jaroj, ni decidis doni al niaj malsanuloj pli nutran panon ol la ordinaran blankaĵon kutime aĉetablan ĉe la panistoj. Ni bedaŭrinde trovis ke ne estis eble ricevi la veran nutran panon per la kutime uzataj mueliloj, kaj ni aĉetis nian farunon de muelisto kiu uzas la ŝtonajn muelilojn. De tiu momento la malsanuloj de nia « sanatorium » plibone digestis la panon kaj estis pli bone nutrataj. Niaj vizitantoj ĉiam gratulas nin pri la boneco de nia pano.

« 2e Blanka pano estas grasiga. Tiuj, kiuj provas subteni sin per ĝi estas malbone nutritaj de nenutra sed grasiga amelo.

« 3e La supera nutra valoro de la malnova orbruna pano estas fakto montrita de eksperimentoj en la ĥemiaj kaj fiziologiaj studejoj.

« 4e Kiel kuracisto, kiu ofte devas ekzameni la kreskadon de la ostoj en kreskantaj personoj, mi konscience opinias ke reiro al la faruno de niaj praavoj estas vera necesaĵo.

« 5e Ekzistus pli malmulte da anemio, nervaj malsanoj, neŭrastenio, k. c. se tiu movado estus sukcesplena.

« 6e La blanka pano estis la plej bona amiko de dentistoj, la « Standard Bread » estos ilia plej bona malamiko. La ĝenerala degenerado de la nuna generacio estas grandparte ŝuldata al la nutrado per blanka pano ».

Centoj, eĉ miloj da similaj opinioj povus esti citataj. Ni do devas kredi ke vere la « laŭmoda » pano estas pli bona por nia sano.

Niaj anglaj legantoj eble scias ke dum 1907 estis organizita en Londono asocio nomata « The Bread and Food Reform League » (Asocio por la reformado de pano kaj nutraĵoj). Ĝi havas celon tute nekomercan kaj propagandas siajn ideojn per paroladoj, lecionoj pri kuirarto, disdonado de broŝuroj, k. t. p. kun espero forigi la nesciadon kiu kaŭzas la nuntempe tiel oftan mizeron. Tiu societo ricevis la patronadon de la Reĝo, de nobeloj, Scientistoj, Episkopoj, aliaj eminentaj personoj.

Malgraŭ la senĉesa laborado de la Asocio, kaj la artikoloj skribitaj de ĝi en la ĵurnaloj dum la kvar lastaj jaroj, nur malmultaj priatentis la demandon pri « pli bona pano ». Kiel mi jam diris, nur de kelkaj semajnoj la publiko interesiĝis pri « Modela Pano » kaj nur ĉar la ĉie konata ĵurnalo *Daily Mail* en Londono sin okupis pri la afero post intervjuo kiun unu el ĝiaj redaktoroj havis kun ia malmulte konata kampara bienulo, kiu jam de kelkaj jaroj uzis tian farunon por si mem kaj siaj laboristoj, kaj kiu diris ke la tieaj vilaĝanoj kaj aliaj personoj kiuj gustumis la panon faritan per la dirita faruno ankaŭ trovis ĝin tiel bona kaj nutra, ke ili ne volis manĝi alian. Leginte pri tio en la ĵurnalo, tiom da personoj petis specimenon de tiu modela pano, ke la panistoj interesiĝis pri ĝi, kaj tuj mendis la specialan farunon. Nun preskaŭ ĉiuj muelistoj liveras la « benitan farunon » kaj la *Daily Mail* ĉiutage donas liston de la vendistoj de « Standard Bread » kaj « Standard faruno » Estas nur necese por la panisto aŭ muelisto kiu dezirus vidi sian nomon en la ĵurnalo ke li sendu al ĝia oficejo specimenon de pano aŭ faruno ; se la decido de la ekzamenontoj estas favora, la nomo de la sendinto tuj estos publikata. Baldaŭ tamen tiu presigado estos tute senutila, ĉar jam nun estas malfacile trovi paniston kiu ne vendas la « modelan panon. Multaj eĉ malbenas la frenezecon de l'popolo pri la nov-malnova pano, ĉar la blanka faruno kiun ili posedos en siaj magazenoj malrapide estos eluzata.

Por fini mi donos la punktojn per kiuj, ĉiuj povas rekoni la veran « Standard Bread ».

Koloro : Kremblanka, palgriza aŭ krembruna.

Odoro : La dolĉa odoro de nove draŝita tritiko.

Gusto : Devus esti necese ke oni povu gustumi la tritikon.

Aspekto : Truoj ne devas ekzisti en la pano kiu devas esti malseketa, sed tamen tute malpeza. La koloro devas esti egalaspekta.

Kvalitoj de konserviĝo : La modela pano devus resti freŝa dum almenaŭ du tagoj kaj devus gustumiĝi eĉ pli bone la duan tagon ol la unuan, aŭ la tagon de bakiĝo.

La parlamentanoj ankaŭ interesiĝis pri la « Modela pano » kaj speciala komisiono estis organizata ĉe la Komunuma

Ĉambro kiu proponis ke la « Standard Bread » estu de nun la sola pano donota al la soldatoj, la maristoj kaj ĉiuj institucioj kiuj dependas de la Ŝtato ; plie ke ĉiuj panistoj estu devigataj vendi sanan kaj fortikan panon naturan.

Estas feliĉe konstati, unufoje, ke la membroj de Parlamento kaj la gravaj ĉiutagaj jurnaloj laboris por ia plibonigo interesa al la ĝenerala publiko, kaj esperinde ili daŭrigos sian batalon rilate al ĉiuj plibonigoj de la popolostato. — P. Blaise (D. D. Londono).

---

## La nutrado de la estontaj homoj

La politika ekonomio estas scienco plena de prizorgemo por la estontaj generacioj. Laŭ la plej aŭtoritataj kalkuloj, la homoj de la 20-a jarcento, kiuj jam antaŭtimis la malsategon kaj tiel insiste plendas pri la kareco de l'vivo estus certaj ne esti sen pano. Kanado, Argentino, Aŭstralio, Nov-Zelando prezentas al la agemaj koloniigantoj grandegajn teritoriojn, ne tuŝitajn de la plugilo, kaj aparte taŭgajn por la kulturo de l'tritiko. La danĝero do ne estas minaca ; tamen oni devas atenti ke la loĝantaro de preskaŭ ĉiuj civilizitaj landoj tre rapide kreskas ; kvankam pligrandiĝos la produktado de l'cerealoj, tamen laŭ multe pli rapide kreskonta proporcio plimultiĝos la nombro de l'homoj nutrotaj, kaj sekve la maltrankvileco de la ekonomiistoj pri nutrajmanko, kiu minacas la homaron, estas bedaŭrinde tro facile pravigebla.

Se ili ne plu havas panon, ĉu la homoj povas almenaŭ manĝi viandon ? La Bulteno de la Amerika Respublikaro donas pri tio trankviligajn ciferojn. La brutkulturo estas ebla en multaj regionoj, kie la tritikkulturo donus nur mizerajn rezultatojn.

Kiam Usono ĉesos eksporti bovkonservaĵojn kaj peklaĵojn, de kiuj landoj la Eŭropaj popoloj venigos la viandon necesan al si ? Al tiu demando, diras la supre citita Bulteno, estas facile respondi. Ekster la Usona teritorio oni trovas en Ameriko, norda kaj suda, tre multajn vastajn regionojn, kiuj estas bonegaj por abunda kaj malkara viandproduktado. La Usonaj kapitalistoj enmetis grandajn sumojn en la brutkulturon en Meksikujo, sed tiuj entreprenoj estas freŝaj kaj laŭ la plej fidindaj statistikoj tiu lando ne kalkulas pli ol 5.250.000 brutbestojn (kontraŭ 30 milionoj en Argentino kaj 6 milionoj en Urugvajo). Tamen, Meksikujo sola per siaj naturaj paŝtkampoj povus nutri duoble pli da brutaro ol Argentino kaj liveri al Eŭropo duoble pli da viando ol al ĝi vendis Usono.

La brutkulturo povas doni bonegajn rezultatojn eĉ en centra Ameriko, Gvatemalo, Honduraso, Kosta-Riko, kondiĉe ke la paŝtkampoj estu sufiĉe altaj por ke la brutaro ne suferu de la varmo. La grandega Amazona riveraro povus ankaŭ multe partopreni en la viandproduktado, kiam la loĝantoj de l'terglobo, pro sia tromultiĝo, estos devigataj eltiri de l'grundo ĉiujn nutrajn rimedojn, kiujn ĝi povas liveri. Kvankam sufiĉe granda parto de tiu vasta teritorio estas taŭga precipe por la kaŭĉukproduktado kaj alia, ankoraŭ multe pli vasta, estas kovrata per nepenetreblaj arbaroj, oni trovas, neofte sur la bordoj de l'riverego, sed en la valoj de ĝiaj alriveroj, grundojn kovratajn per naturaj herboj, kie la brutkulturo donus profiton.

Resume alproksimiĝas la momento kiam Usono, kiu antaŭe liveris al la mondo tritikon kaj viandon, apenaŭ povos nutri siajn loĝantojn. Sed al la homaro tio malgraŭ ĉio ne mankos.

Kanado produktos tritikon kaj latina Ameriko eksportos viandon. Tamen estus eble, ke tro intensa brutkulturo en la landoj, kie la temperaturo ne estas taŭga por tio, kaŭzus kelkajn disreviĝojn. Ŝajnas eĉ, ke la kulturistoj de centra Ameriko senkaŭze pligrandigas la malfacilaĵojn de sia entrepreno, provante alklimatigi en intertropikaj regionoj anglajn brutrasojn anstataŭ venigi el sud-okcidenta Francujo rasojn pli kutimatajn al la varmo.

Cetere la deveno de la reproduktantaj bestoj estas ne grava ; la ĉefa afero estas, ke la civilizataj homoj de l' 22-a aŭ 23-a jarcento ne estos kondamnataj al severa vegetara reĝimo. Ni vidis, ke al ili ne mankos la viando, sed ne malpli kompatindaj ili estos : konservata en skatoloj aŭ per malvarmigaj aparatoj, la viando ne plu liveros al la kuireja arto minacota de senhelpa dekadenco, la rimedojn, kiujn ĝi bezonos por konservi siajn glorajn tradiciojn.

Trad. L. F.

---

## Reformo de l'kalendaro

La internacia kongreso de la komercaj Ĉambroj, okazinta en 1910 en Londono, decidis la deziresprimon, ke la svisa registaro kunvoku internacian diplomatan konferencon por la reformo de l'kalendaro kaj la fikso de l'paskotago. La svisa registaro akceptis tiun taskon kaj komisiis siajn diplomatiajn reprezentantojn en eksterlando esploradi la opinion de la aliaj registaroj. Ne estas dubeble, ke ĉiuj civilizitaj ŝtatoj favore respondos kaj ke baldaŭ tia konferenco kunvenos en iu svisa urbo, verŝajne en Berno mem.

Intertempe el ĉiuj mondpartoj alvenas plej diversaj proponoj pri la intencata reformo. Sed ju pli da opinioj montriĝos, des pli interesa fariĝos la kongreso. Estas do dezirinde ke ĉiu interesulo sendu siajn proponojn al la svisa registaro, sub la adreso Conseil fédéral, Berne aŭ Schweizerischer Bundesrat, Bern. Certe inter la legantoj de « Esperanto » estas multe da personoj, kiuj interesiĝas pri tiu demando, ili alsendu siajn projektojn en Esperanto. Tiamaniere ni samtempe faros propagandon por nia Lingvo kaj nia Asocio ĉe la svisa registaro kaj ĉe la kunvokota diplomatia konferenco. Mi tre insiste ripetas ke oni sendu sian proponon en *Esperanto* ; ĝis nun alvenis projektoj en preskaŭ ĉiuj civilizitaj lingvoj, kaj ĉar mi havas la taskon, kolekti kaj traduki la diverslingvajn proponojn, vi facile komprenos mian deziron, kiu samtempe estas iom egoista.

Dum la proksimaj monatoj mi plezure atendas multe, multege da diversaj proponoj, bonaj kaj malbonaj, praktikaj kaj neuzeblaj, tute egale, ĉiu interesulo sendu sian opinion.

J. Schmid, (Komitatano U. E. A.)

---

### NOTOJ

**Feminismo**. — En *Monakolando*, laŭ la konstitucio jus donita de la princo al la loĝantaro, la virinoj havas la voĉdonrajton por la balotoj de la urbaj konsilantaroj.

La *Vira Ligo por la Voĉdonrajto de Virinoj* kies prezidanto estas Lord Lytton, proponas premiojn por konkurso inter la dek plej bonaj verkoj pri voĉdonrajto de la Virinoj.

S-ino de Ferrer, Del. Monako.

*1-6 Majo*. — Internacia terkultura kongreso en Madrid.

*21 majo*. — Forflugado de la aeroplanoj por la aerveturado de Parizo al Madrido.

*28 majo*. — Forflugado par la aerveturado de Parizo al Romo. Pli ol 200 000 $ da premioj.

*4-7 junio*, en Clermont-Ferrand, VII[a] Kongreso de la franca pacifista Asocio « La Paix par le Droit » (Paco per Juro), Esperantia Entrepreno por aliĝoj aŭ ĉiuspecaj informoj oni sin turni al S-ro Laude, sekretario de la kongreskomitato, conservateur de la Bibliothèque municipale, Clermont-Ferrand (Puy-de-Dôme). — (La Paix par le Droit).

*12-18 junio*, en Stockholm, VI[a] Feminisma Kongreso.

*1 julio*. — Internacia aviada pokalo en Anglujo.

*23 julio-5 aŭgusto*. — Rondflugado tra Anglujo.

# ○ LITERATURA PAĜO ○

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Ornitologia Vortaro oklingva de birdoj Eŭropaj.** — (Prova litografa eldono), de P.-E. Stojan. — Librejo Esperanto Tverskaja 26, Moskva, Ruslando. Prezo : 1 Sm.

S-ro P.-E. Stojan, unu el la eminentaj anoj de la komitato, kiu, sub la direktado de S-ro Elb, nun kunlaboras pri la vortara materialo, jus eldonis provan litografan ornitologian vortaron, kiun nepre devos trastudi la vortaristoj. Se la nuna prova eldono estos disvendata (200 ekz.). S-ro Stojan publikigos novan pli ampleksan vortaron tipografie presotan.

Mi ne estas kompetenta por juĝi pri la scienca valoro de tiu verko. Tamen ĝin tralegante, mi elĉerpis kelkajn rimarkojn aŭ ideojn, kiuj povos interesi eĉ la ne-specialistojn. — 1e Celante nur internaciecon, oni enkondukas iafoje malbonajn nomojn. Ekz. birdo nomata *huîtrier, Oyster catcher, Austernfischer*, k. t. p. povus esti nomita internacie *ostrobirdo, ostrulo*, k. t. p. sed tio estus zoologia eraro, ĉar tiu birdo ne manĝas ostrojn. Pro tio oni devas ĝin nomi alie, ekz. *marpigo*. — 2e Se oni ne povas ricevi internacian vorton, oni devas prefere kunmeti *bildan* nomom ol apreni latinan terminon. La aŭtoro nomas *bilda nomo* tiun, kiu aludas tre konatan econ de la objekto (krio, koloro, k. t. p.) Ekz. *zizio, blukorvo... Bildaj nomoj estas vera trezoro de ĉiu lingvo : ili estas tuje kompreneblaj de ĉiuj kaj ili donas realan scion pri la objekto* (Ili preskaŭ anstataŭas pentraĵon aŭ desegnaĵon de la objekto). — 3e S-ro Stojan rimarkigas, ke la vortoj de la Universala vortaro estas kelkfoje malĝuste tradukitaj ; ĉar la vortaristoj *eĉ ne suspektis, ke sola ĝusta signifo de ĉiu esperanta radiko estas kaŝita en kvin naciaj tradukvortoj kune analizataj*.

En la fino de la libro estas 1e alfabeta nomaro Esperanta de birdonomoj 2e alfabeta nomaro latina.

Ne nur la vortaristoj kaj la naturistoj devas elstudadi tiun ornitologian vortaron, sed ankaŭ la literaturistoj devos ĝin foliumi ĉiufoje, kiam ili bezonos montri *precize* tiun aŭ alian eŭropan birdon.

∴

**Formortinta Delsuno** rakontita de li mem, originale flandre verkis Rene Vermandere, esperantigis Oscar van Schoor. — Centra Esperantista Belga Oficejo, Vondelstrato, 20, Antverpeno, Prezo : Sm.

En tiu humorplena rakonto, Formortinta Delsuno (Zaliger van Zon), priskribas siajn postmortajn impresojn kaj sentojn. La tradukinto « klopodis por konservi eble plej multe la originalecon de la stilo kaj de la ritmo »

Kompreneble, ĉar mi tute ne konas la flandran lingvon, mi ne povas aserti, ke tiu klopodo sukcesis ; sed mi opinias, ke la stilo, krom malmultaj eraretoj, neutilaj neologismoj, ekz. *jubili* (enslipigu ĝin zorge por nova eldono de via jam ne plu kompleta vortaro, S-ro G. M. !) aŭ pedantaj oz'oj (steloza ĉielo !), estas bona, laŭfundamenta kaj preskaŭ ĉiam imitinda.

Plezure mi legis, krom multaj aliaj bonstilaj linioj, la jenan priskribon de kvieta paca nokto (p. 74) :

« Supre, la ĉielo rigardetis la kvietan de la tero per miliono da okuloj, kiuj palpebrumis kiel dormemaj infanokuloj. Forflugintaj el ligiloj kaj premiloj, mi rigardadis la batalkampon, kie mi tutan vivon militadis. Ĝi tie nun kuŝis, tiel trankvila, kvazaŭ la lasta kunbatalanto estas pereinta, flanke de la lasta malamiko. Ĉio ŝajnis nun tiel pacema tiel frata, tiel senlime trankvila ! La juĝisto dormetis flanke de sia leĝolibro kaj la batalestro dormis vestita per dormĉapo, kaj lia orornamita frako plena je ordensignoj pendis ĉe la vestbokaro. Tio estis la benita Dia ripozo, kiu daŭras tiel longtempe, kiel la homaj infanoj ĉesas batali kaj interdisputi. »

Tiel dormadu ankaŭ la batalemaj, disputemaj esperantistoj (tamen ekzistas kelkaj !) kaj ili ne plu revekiĝu..... por rekomenci la disputon !

∴

Edmond Privat. — **Du paroladoj** (Barcelona 1909, Augsburg 1910). Presa esperantista societo, 33, rue Lacépède. Paris. Prezo : Sm., 0,10.

Oni legos (aŭ relegos) plezure tiujn du paroladojn, en kiuj S-ro Privat elokvente montris la vivantecon de nia lingvo. Por ni Esperantistoj, Esperanto ne estas, ne *devas* esti artefaritaĵo, meĥanikaĵo, en kiu ĉiu rajtus ŝanĝi ĉiutage risorton, radeton aŭ piŝton, sed viva estaĵo, kiu per sia propra forto kaj interna energio kreskas kaj disvolviĝas. Ni ne forgesu (kaj tion tre laŭte proklamas S-ro Privat) ke efektive tiu karaktero distingas nian lingvon de tiom da aliaj *proponoj*, kiujn preskaŭ ĉiumonate scienculoj prezentas al la okuloj de la skeptikema mondo.

« Bone vivas nia lingvo per si mem : tial estas preskaŭ ĉiam malutile serĉi trafan esprimon per tradukado. Sendube Esperanto, kiel la ceteraj lingvoj, ricevas influon de siaj naciaj najbaroj, ĉefe en sia materiala kaj teĥnika vortaro. Sed la plej forta influo — kaj la plej bona — venas ĉiam de ĝia propra spirito. Inter niaj aŭtoroj, la plej ŝatataj stilistoj estas ja tiuj, kiuj plej bone ĝin komprenas. »

Tiu kelkpaĝa broŝuro enhavas multe pli da sukoriĉa substanco ol multaj dikaj libroj !

∴

Grosjean-Maupin. — **Dictionnaire usuel esperanto-français**. Paris, Hachette. Prezo : Sm., 0,40.

Tiu ĉi vortaro de S-ro Grosjean-Maupin tute ne estas « rubejo », kiel la fifama kompleta vortaro. Ĝi entenas nur (diras la vortaristo) radikojn uzitajn de Zamenhof. Tion mi ne povis ĝis nun kontroli per detala recenzo de la tuta verko. Sed mi bedaŭras ke, laŭ la deklaro de l'aŭtoro, ĝi ne enhavas senescepte ĉiujn radikojn de la Fundamento : tiuj vortoj estas kvazaŭ sankta trezoro, kies nenian eron oni rajtas formeti aŭ korekti. — La gramatika parto de la vortaro (ekz. la difinoj de la sufiksoj) estas ĝenerale ĝusta, preciza, esprimklara kaj aprobinda, kaj mi ĝojas, ke mi povas pri tio, anstataŭ boji aŭ bleki, nur laŭdi kaj prikanti.

∴

*Aliaj verkoj ricevitaj* : **La Litadmonoj de Sinjorino Kodel**, de Douglas Jerrold, trad. James Robbie. Esperanta presejo, Leith, Skotlando. Prezo de la dua serio : Sm., 0,04.

**En Harmonio kun la Eterneco**, de Ralph Waldo Trine, trad. Frederik Skel-Giœrling. London, G. Bell and Sons, Portugal Street. Prezo (ne montrita).

Mi dediĉos mian tutan plej proksiman artikolon al la grava scienca verko de S-ro Ĉefeĉ : *La Elementoj kaj la Vortfarado*.

VERTO.

Pro troeco de materialo, ni estas ankoraŭ devigataj prokrasti la aperon de nia felietono : « La Suferoj de juna Werther ». Niaj legantoj bonvolu nin senkulpigi kaj... helpu nin, ke *Esperanto* baldaŭ povu aperi kun 20 paĝoj. — H. H.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

GRAVA AVIZO. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10**a *kaj* **25**a *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintaĵo.*

**Novaĵoj el la Distriktoj.** — En *Melbourne* (Aŭstralio), okazis la 24. de febr. la regiona kunveno de U. E. A.; 25 ĉeest.; la raporto estas akceptita; S-ro Whiteford parolis pri la servoj faritaj kaj klarigis kelkajn novaĵojn en la Statuto de U. E. A. — W. kaj S.

**Novaj Grupoj kaj Societoj.** — *Germanujo* : En *Berlin-Wilmersdorf*, grupo; en *Frankfurt a/M.* la « Societo-Esperanto »; en *Hagen in W.* — *Svisujo.* Per la klopodoj de la Esp. Soc. en Zürich, jus fondiĝis la *ligo de la Germansvisaj Esperantistoj*; starigita interne de la S. E. S., ĝi celas efikan propagandon en germanlingva Svislando. Por informoj kaj aliĝoj: S-ro E. Kuder, prez., kaj nia Del. K. Jost Cullmannstr. 57, Zürich.

En *Holmfirt* (Anglujo), nova grupo.

**Novaj kursoj.** — En *Trieste* (Aŭstrio), ĉe du publikaj lernejoj. — V. P.

En *Tabriz* (Persujo); 12 lern. — A. D. H.

En *Nottingham* (Anglujo). — B. E.

*Usono* : en Chestertown (Md.), Augusta (Ga.), Cleveland (O.), Cardington (O.), De Kalb (Ill), North Platt (Neb.), Saint-Louis (Mo.), Seattle (Wsh.), Portland (Ore). — A. E.

*Germanujo* : en Augsburg, Berlin (4), Charlottenburg, Rixdorf, Braunschweig, Chemnitz, Frankfurt a/M., Geyer in S., Leipzig (5), Mügeln, Pirna, Plauen in V., Posen, Schleiz, Stettin, Waltersdorf bei Zittau, Zehista bei Pirma. — G. E.

*Polujo* : en Lwow. — P. E.

Okazis en *Weinboehla* (Saksujo) la 2-an de aprilo la unua publika Esperanto-ekzameno; partoprenis ĝin 20 geknaboj 9-12 jaraj, al kiuj S-ro Schramm donis kurson dum la pasinta jaro. La ekzameno estis plenumata nur en Esperanto kaj estis ĝojiga sukceso. Ĉeestis membroj de la « Saksa Esperanto-Instituto » kaj multe da samideanoj el Dresden kaj ĉirkaŭaĵo. S-ro Schramm daŭrigos tiun *kurson* kaj S-ro Findeisen aranĝis *novan kurson* ankaŭ por gelernantoj de la ĉi tiea popola lernejo. — T. K.

**Kunvenoj kaj Festoj.** — La 1-a festeno de « Revela Esp. gr. » (Rusujo) okazis la 2. de aprilo; 450 ĉeest., bona sukceso. — J. R.

*Varsovio*, 27. de Marto, jara kunveno de Pola Esp. Soc. kun ĉeesto de D-ro Zamenhof. D-ro Ant. Grabowsky estis elektata prezidanto. — P. E.

*Chemnitz*, la 12 de Marto, jara kunveno de la Saksa Esp. Ligo. D-ro Arnhold parolis pri « Esperanto kaj ĝia graveco »; vesperfesto. La gazetaro favore raportis. — G. E.

*Danzig*, amuza vespero kun deklamoj, k. t. p. — G. E.

En *Lamberwell* kaj *Charing-Cross*, du londonaj kvartaloj, okazis vesperfesto la 4. de Marto. — B. E.

**Paroladoj.** — S-ro P. Tarnov, pri « U. E. A. kaj vojaĝado » en *Opladen* (Germ.); en *Barmen* ĉe « Virina Komerca Unuiĝo ». — P. T.

En *Offenbach a/M.* S-ro Wallon, ĉe la stenografistoj. — B.

En *Plaŭen* ; V. (Germ.), D-ro Linse. E.

En *Posen* (Germ.), D-ro Kandt. — G. E.

## OKAZONTAĴOJ

*21-23 aprilo.* — Nacia Kongreso de S. F. P. E. en Lyon, kaj kongreso de la Rodana Federacio. Por la programo vidu non 96 de « Esperanto ».

Ni rememorigas ke, la dimanĉon 23 apr. je la 8a matene tre precize okazos la ĉiujara kunveno de la Sud-Orienta Distrikto de U. E. A en la Grande Salle du Conseil des Prud'hommes, Palais du Commerce. Tuj poste en la sama loko okazos granda kunveno de ĉiuj Esperantianoj, Distr. Del., Del., konsuloj, simplaj membroj, francaj aŭ ne, ĉeestantaj en Lyon. Ili venu multnombraj ! — T. R.

*21 majo.* — En *Saint-Denis*, kongreso de la Federacio de la Pariza regiono kunveno de U. E. A. — A. C.

*25-28 majo.* — En *Genovo*, 2-a kongreso de la Italaj Esper., sub la Honora Prezidanteco de la Urbestro de Genova kaj de la Inspektoro de la Reĝaj lernejoj. Organiza komitato : D-ro Stromboli, prez.; G. Sciuto, v.-prez. A. Schmucher, Sekr. ; D. Giulitti, kas. — Programo :

*25 de majo.* — 4-a vesp. Malferma kunveno ; 9-a vesp. propag. parolado.

*26.* — 10-a matene : kunsido. 3-a vesp. : Vizito de la Urbo. 9-a vesp. : Vesperfesto ĉe la Teatro.

*27.* — 10-a matene : lasta kunsido. 3-a vesp. ; kunveno de la Itala Federacio. 9-a vesperkunveno.

*28.* — Veturado al Portofino Vetta kaj festeno.

Pri informoj : D-ro A. Stromboli, Via Assaroti 53-15, Genova. I. F. E.

*3-5 junio Brno-Brünn* por la 10-a datreveno de la fondo de la 1-a grupo en Aŭstrio. Programo : la 3. vespere, akcepta kunveno. La 4. : matene, propag. parolado ; posttg : vizito de la urbo ; vespere : kunveno. La 5. : Ekskurso al la grotoj de Macocka.

Por informoj : Esp. Grupo, Kozi ulice 19, Brno (Moravio, Aŭstrio). — K. C. E.

*4-5 junio.* — 3-a Belga kongreso en Charleroi. — H. H.

*4-5 junio.* — Kunveno de Svisaj Esp-ianoj en Zürich. — H. H.

*4-5 junio.* — *Le Mans*, kongreso de la Centr-Okcidenta Federacio.

*24-25 junio.* — 2-a kongr. de la katalunaj Ezp. en Tarragona. H. R.

*14-19 Aŭgusto.* — Dua intern. kongreso de la katolikaj Esperantistoj en Hago (Holando). La Organiza komitato deziras, ke la partoprenontoj kaj subtenontoj *baldaŭ* aĉetu la kongresaĵojn . kongreskarto : 2,10 Sm. ; helpkongreskarto : 1,05 Sm. ; belega afiŝo : 0,45 Sm. ; kongresmarkoj : 100 por Sm. 0,45. Sendu la mandatojn al S-no Whitney, 251 Weimarstraat, St-Gravenhage.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Akademio.* La lingva komitato devas rebaloti trionon de la Akademianoj. La jenaj personoj eliris por tiu unua vico : S-roj Nylen, Boirac, Ellis, de Saussure, Villanueva. La kandidatoj por tiuj kvin lokoj estas la jenaj : S-roj Boirac, Ĉefeĉ, Christaller, Elb, Millidge, Nylen, de Saussure, Miss Ŝafer, P-ro Schmidt, Villanueva, Zakrzewski. Rezultatoj post la 1a de Aŭgusto.

∴ *Policistoj kaj Esperanto.* Ekzistas nun policgrupoj en jenaj urboj : Dresdeno (70 membroj), Augsburgo (26), Chemnitz (25), Mainz (10), Parizo (27). Krom tio estas nun sukcesaj kursoj en Antverpeno. Ektimu la ŝtelistoj... per Esperanto !

∴ *Tutmonda Amikaro de Publikoficistoj.* Tiu societo, kiu jus aliĝis al U. E. A. kiel Esp-ia Entrepreno, celas propagandi Esp. ĉe la publikoficistoj, krei ligilon de amikeco inter la diverslandaj administraciuloj, publikigi jaran liston por ke ĉiu samideano sciu al kiu sin turni pri administraciaj aferoj, eldoni Esp-administracian vortaron. La jara

kotizaĵo estas Sm. 0,40. (Sin turni al S-ro M. Doué, 10, rue CharlesDivry, Paris, 14). La nombro de la membroj atingas nun 103 el 14 landoj.

.˙. *De supre aŭ de malsupre?* El rakonto pri vizito al D-ro Zamenhof de S-ro Nedoŝivin (Ondo de Esperanto) :

« En la historio de Esp., — diris D-ro Z., — ekzistis periodo, kiam la plej ĉefaj agantoj kredis, ke la plej grava kaj sola venkilo estas konverto de la registaro, laŭ kies ordono Esp. povus rapide, facile penetri ĉien. Ekster la devigaj rimedoj « desupre » la adeptoj de tiu doktrino ne vidis la utilon kaj signifon de privata, eĉ societa propagando. D-ro Z. kategorie protestas kontraŭ simila unuflanka kaj erara taktiko, kiu povas malutili kaj eĉ tute pereigi nian komunan aferon. Estas vero, ke komence, dank'al la registaro, Esp. estus enkondukita en la lernejojn, sed poste, ĉar la publiko ankoraŭ ne estas preta por la alpreno de nova, ne konata lingvo, Esp. verŝajne restus sen ia uzado kaj sekvigus ian publikan proteston kontraŭ la senbezona scio... Por la grandioza konstruaĵo nomata Esperantismo, ni unue bezonas firman, fidindan fundamenton, t. e. la sankcion de la publiko kaj plenan pretecon rilate la enkondukon de Esp., — la pretecon de ĉiu aparte, de ĉiuj kune kaj, ĉefe, de la lingvo mem... »

.˙. *La konkursoj de la Sepa.* Okaze de la Sepa, la jenaj konkursoj estas organizataj de :

1. Loka organiza komitato de la kongreso. — *Historio de Esperanto* (20 paĝoj, formato de Belga Esp.). 1ª Premio : 40 Sm ; 2ª 20 Sm.

2. Redakcio de Belga Esperantisto. — *Originala novelo* (12 paĝoj. Premio : 20 Sm.).

3. Antverpena Grupo Esp. — *Pri la utilo de Esp. por la komerco ; kiel enkonduki la uzadon de de nia lingvo en la komercajn rilatojn* (5 paĝoj. Premio : 20 Sm.)

4. Verda Stelo. — *Pri la utilo de Esp. por la laboristoj : kiel enkonduki nian lingvon en la laboristaron.* (Premio : 20 Sm.).

5. S-ro F. Schoffs. — *La malnova flandra pentrista skolo* (Premio : 12 Sm.).

6. S-ro-Dro P. Ruiz Prieto. — *Plej taŭga procedo kaj plej efikaj rimedoj uzotaj de la Esp. kaj speciale de la Intern. Kongresoj por atingi de ĉiuj registaroj la oficialan starigon de la deviga instruado de Esp. en la duagradaj lernejoj* (Premio : 40 Sm.)

7. *Tutmonda Esp-Anoncekopedo* (firmo Anding). — *Efika broŝuro pri la utilo kaj agado de la T. E. A.* (7 prespaĝoj Mono. Premio : 10 Sm. duono per Esp. specialaĵoj).

8. S-ro O. Van Schoor. — *Pri la batalo por la akiro de la lingvaj rajtoj en malgranda, lando ekz. Bohemujo, Kroatujo, Flandro aŭ alia* (5 paĝoj. Premio : 12 Sm.).

9. Libera Penso. — *Libera Penso en la moderna literaturo* (Premio : 10 Sm.).

La manuskriptoj estu sendataj antaŭ la 1ª Julio al D-ro W. Van der Biest (76 Minderbrœdersrui, Antverpeno). Ili ne povos esti skribitaj de la aŭtoro mem kaj devos porti devizon, ripetitan sur fermita koverto enhavanta la nomon de la aŭtoro.

.˙. *Turisma Berlina ekspozicio.* — Dankante U. E. A., la eldonejojn, ĵurnalojn kaj Esperantistojn, kiuj afable helpis nian Esp. ekspozicion per alsendo de materialo aŭ mondono mi sciigas la esperantistaron, ke la ekspozicio laŭ la vizito de la unuaj tagoj ŝajnas fariĝi grava sukceso por nia afero. Ĉar ankaŭ la internacia vojaĝa ekspozicio estas belega vidindaĵo neniu Esp.-isto venonte Berlinon forgesu viziti la ekspozicion kaj nian oficejon por enskribi sian nomon en la liston de vizitantoj.

Ni memorigas ankaŭ la Del. de U. E. A., ke ili sendu la ekzemplerojn de esperantaj kaj naciaj ĵurnaloj en kiuj aperis la de ni sendita artikolo pri la dirita ekspozicio ; ĉar nur per tio ni povas pruvi la profiton de Esperanto kaj U. E. A. — D-ro B.

.˙. La prezidanto de la Grupo en *Nevers* (Francujo) ricevis de la Ministro de l'komerco la ordenon « Officier d'Académie » *por rekompenci lin pri lia instruado de Esperanto.* — J. D.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Germana Esperantisto.* Daŭrigante la ekzamenon de la demando pri vortaroj, S-ro J. Borel proponas la kreon de oficiala internacia komitato por revidado de la naciaj lerniloj, precipe vortaroj, antaŭ la presado. La sama Nº raportas pri sukcesa parolado de S-ro Reinking antaŭ la grandduko de Braunschweig kaj liaj korteganoj.

.˙. *Juneco* eldonis propagandan Nºn parte en germana lingvo por disvastigo ĉe germanaj junuloj.

.˙. *Internacia Polica Bulteno.* Sub tiu titolo aperas de nun gazeto, kiel bulteno de la fondiĝanta Internacia Policasocio kaj privata organo de la policaj societoj kaj izolaj policistoj Esp. La redaktejo estas ĉe la Polica Prefektejo, en Parizo. (Jarabono) : Sm. 0,80).

.˙. *L'Espérantiste Catholique* anoncas, ke ĝi aperos de nun kun 16 paĝoj, anstataŭ 8. Tiu gazeto redaktata plejparte france celas propagandi Esp. en katolikaj rondoj.

.˙. *Semo* estas la titolo de propaganda gazeto, redaktata plejparte bulgare. La 1ª Nº enkavas detalan artikolon pri U. E. A.

.˙. En la marta Nº de *Larousse Mensuel*, la ĉiumonata aldono al la okvoluma franca enciklopedio, aperis tre favora recenzo de la libro de Prof. G. Gautherot pri la internacilingva demando. — E. B.

.˙. En Trieste (Aŭstrio), « *Il Piccolo* », kiu ĝis nun silentis pri Esp. favore raportis la provon de la franca ĵurnalo *Excelsior*. — V. P.

.˙. En la aprila nº de *La Jeunesse*, organo de Kristana junula Unuiĝo en franclingva Svisujo, S-ro Zryd aperigis tradukon de letero el Madagaskar ; la patra lingvo de la sendinto estis la malgaŝa. — J. Z.

.˙. En la ĉefa ĵurnalo de *Karakas* (Venezuelo) katolika pastro Marcelo Maldonado, lingvisto, verkis tre favoraĵn artikolojn pri nia lingvo. — M. M.

.˙. La *Pola* gazetaro publikigis diversajn artikolojn pri Esp. — P. E.

.˙. En *Danziger Zeitung* (Danzig, Germ.) 6. apr. bona artikolo de nia Del-ino. — A. T.

.˙. En *Danziger Zeitung* (Germ.) 6. apr., en *Danziger Allgemeine Zeitung*, 6. apr., en *Danziger Neueste Nachrichten* 5. apr., bonaj artikoloj pri U. E. A. de nia Del-ino. — A. T.

.˙. En *La Défense Agricole* (Hyères, Franc.), marta nº, art. de Del. Nallet pri la utileco de U. E. A. por komerco. G. N.

.˙. *British Esperantist.* — Sub titolo « Morala respondeco » S-ro Ed. Privat ekzamenas kelkajn demandojn, kiuj priokupas la Esperantistaron :

Antaŭ kvin jaroj, ĉe la Bulonja Kongreso, estis prezentita projekto de ĝenerala organizaĵo por la tuta Esperantistaro. La kongreso tiam ne volis tiun projekton... Sed kelkaj Esperantistoj havis la bonan ideon fari per vojo privata tion, kion oficiale ni ne povis ». Jen la vortoj per kiuj D-ro Zamenhof ĉe la kunveno de U. E. A. en Barcelono en 1909 montris, ke tiu Asocio realigis la Esperantistan Ligon per praktika vojo... Kial ne agi tute simple kaj klare ? U. E. A. realigas la plej grandan parton de la tiom revita Ligo sen ĝiaj maloportunaĵoj... Ĉar multaj Esperantistoj ilin (la ĉefajn agantojn) fidas, plej unua ilia devo estas servi, helpi, kuraĝigi ne regi, diskuti kaj vundi la pli modestajn laborantojn. Ili devas memori, ke ne pro ili vivas Esperanto sed pro la ĉiutaga laborado de l'tuta anaro de l'Esperantistoj, kiuj, ĉiu en sia humila loko, fidele faras sian devon. Ili devus pensi al tiuj kelkcentoj de U. E. A. delegitoj, kiuj regule servadas kaj helpadas sen ia gloro aŭ rekompenco, al ĉiuj aliaj, kiuj metis sian tutan koron en nian movadon kaj ĉiutage uzas nian lingvon...

Tre favora por Esp. parolado de la Urbestro de Londono (tiam vicurbestro kiam li akceptis D-ron Zamenhof post la Tria).

.˙. *Franca Esperantisto* donas la tekston de komunikaĵo farita de G-lo Sebert ĉe la kunveno de la Franca parlamenta arbitracia grupo pri Esp., responde al la pledo de S-ro Novicow por la franca lingvo kiel internacia lingvo.

.˙. En numero de la 20 jan. 1911 de la germana gazeto *Der Friede* (La Paco), oficiala organo de la Svisa Paca Unuiĝo, estis bonega artikoleto de S-ro W. Kohl el Lausanne pri « Esperanto kiel peranto de la paco » en kiu estas dirite ke « ne povas esti dubo : la pacamantoj ne havas en la nuntempo pli fervorajn partianojn, pli fervore celantajn la saman bonon kaj batalantajn por la sama nobla idealo, ol la Esperantistojn ». — A. C.

.˙. Laŭ le *Petit Parisien* de la 30 jan. oni prezentis en la rusa Dumo proponon, ke la oficistoj devu scii Esperanton kaj ke tiu lingvo estu instruata en la ŝtataj superaj lernejoj Laŭ la sama jurnalo, granda franca ŝipkompanio ĵus donis. la nomon *Esperanto* al unu el siaj ŝipoj. Pri tiuj ambaŭ sciigoj ni tre volonte ricevos pluajn informojn.—(Red.).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Esperantiaj Entreprenoj.** — **Grava avizo.** — Al la celo faciligi la kreon de *regionaj kasoj*, kiuj estas necesaj por ĉiea progresado de U. E. A., ni decidis la jenon :

*Dum la fino de 1911, la kotizaĵo de ĉiu kvina Esperantia Entrepreno estos difinata tute por la regiona kaso.*

Alivorte, se Del. jam varbis 4 Esp.-iajn Entreprenojn kaj nur varbas kvinan (en sia regiono), li ne sendos al ni la kotizaĵon sed konservos ĝin por la regiona kaso (same por la 10a, 15a, k. t. p. Entrepreno).

Ni esperas, ke dank'al tio multaj Del. kiuj ĵam varbis kelkajn Entreprenojn klopodos por varbi almenaŭ ĝis 5 kaj tiel kreos la unuan fundamenton por la regiona kaso.

Por faciligi nian kontrolon, la Del. varbintaj Entreprenon, kiu respondas tiujn kondiĉojn, bonvolu formale informi nin pri tio, kunsendante la aliĝilon.

Aliĝilojn por Entreprenoj ni senpage sendos laŭ peto. (Esp. angle, france, germane).

Estas tute malpermesate uzi tiun faciligon por varbi Entreprenojn senpage aŭ sub la normala kotizaĵo.

**La servoj de U. E. A. dum 1910.** — Jen la rezultatoj de la statistiko de la servoj, laŭ la respondiloj ĝis nun ricevitaj. La ciferoj ne estas ankoraŭ tute definitivaj, sed, ĉar ĉiuj gravaj lokoj sendis siajn respondilojn, la definitivaj ciferoj tre malmulte diferencos de la ĉi-subaj.

| | | 1910 | 1909 (1) |
|---|---|---|---|
| Administrado | 2.069 | 3.548 | 940 |
| Virinoj | 79 | | |
| Maristoj | 14 | | |
| Diversaj servoj | 1.386 | | |
| Komerco | | 1.474 | 1.120 |
| Turismo | | 635 | 650 |
| Junuloj | | 394 | 218 |
| Servoj al vojaĝantoj | | 1.072 | 943 |
| Nombro de la servoj | | 7.123 | 3.556 |

(1) La statistiko de 1909 rilatas en la realeco al periodo de 18 monatoj (de la fondo de U. E. A. ĝis decembro 1909). Por starigi komparon por samlonga periodo, ni do multiplikis la ciferojn de la lasta duono de 1908 kaj de 1909 per 2/3.

| | 1909 | 1910 |
|---|---|---|
| Korespondaĵoj ricevitaj de la Del | 6.339 | 2.692 |
| Korespondaĵoj forsenditaj de la Del | 7.003 | 3.062 |
| Gazetartikoloj pri U. E. A. | 573 | 326 |
| Paroladoj pri U. E. A. | 447 | 218 |
| Nombro de Esperantaj kursoj | 710 | (ne farita) |
| Nombro de iliaj lernantoj (meznombre) | 11.565 | (ne farita) |

Kiel oni povas vidi, la nombro de la servoj plenumitaj de la Del. do *duobliĝis* (2). Ankaŭ duobliĝis la movado de la korespondaĵoj, la gazetartikoloj kaj paroladoj. Tiuj rezultatoj do montras ĝojigan progreson. Niaj amikoj ilin diskonigu, ĉar tiuj ciferoj pli pruvas ol longaj paroloj. Ni rimarkigas, ke la unuan fojon estis farita per niaj Del. statistiko pri la nombro de la Esperantaj kursoj dum 1910 ; laŭ ĝi ĉirkaŭ 12.000 personoj vzitis tiujn kursojn en ĉiu lando.

**Esperantia Biblioteko.** — Ĵus aperis la *angla* propaganda *broŝuro* pri U. E. A. : *The Esperantism*. Prezo : 10 sd. afranke. Rekomendata al ĉiuj anglolingvaj Esp.-ianoj.

Ĵus aperis la *germana* propaganda folio pri U. E. A. : *Die Internationalen Beziehungen*. Prezo : 10 ekz. 10 sd. ; 50 ekz. 50 sd. afranke.

Krom tio ni rememorigas, ke ekzistas jam franclingva broŝuro kaj folio pri U. E. A. Ni tre rekomendas tiujn diversajn eldonaĵojn al niaj amikoj, kiuj per ili povos sukcese diskonigi nian Asocion.

**Statistiko.** — Jen la *movado de la korespondaĵoj dum la monato marto 1911.*

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1.294 | 1.519 | 253 |

Tuta sumo : 3.066 (sen la Jarlibroj) ; antaŭa monato : 3.498.

**Gvidlibroj.** — Al ĉiuj institucioj aŭ personoj intencantaj eldoni Esperantan gvidlibron, ni rememorigas pri la deziresprimo de la 1a Kongreso de U. E. A. (Raporto 27, § 5)

La Kongreso de U. E. A. esprimas la deziron, ke « la gvidlibroj estu laŭ monoformato por ebligi facilan bindadon... ».

La dimensioj de la Mono-formato alprenata por ĉiuj oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. estas 16 1/2×11 1/2 cm. (aŭ la duoblo aŭ la kvaroblo). La apliko de tiu *tre facila* regulo donos al la Esperantaj gvidlibroj unuecon kaj ordon, kiujn ili ĝis nun tute ne havis.

La Direktoro.

**Novaj Del., Subdel. aŭ Vicdel.**

Arcis-sur-Aube (Franc., Troyes). — Raymond Morey,, 26, rue de Paris (Subdel.)

Bahia (Brazil.). — Jayme Martin de Souza (Vicdel.)

Bihač (Aŭstrio, Bosnio). — Petar Jakovljević, dir. de la distrikta Ŝparkaso (Del.). — Nikola Zeravica instruisto (Vicdel.).

Chateauroux (Franc., Indre). — Gourham, 16 rue J.-J.-Rousseau.

Chatellerault (Franc., Vienne). — Maurin, Collège.

El Escorial (Hispan., Madrid). — Manuel Barranko, Colegio de Carabineros.

Hilden (German., Rheinlando). — C. Frauenhoff, Mittelstr. 13. (Subd.).

Jevičko (Aŭstrio, Moravio). — Antono Ŝmeral, juĝa oficisto.

Kairo (Egipt.). — Wahbé Elissa, Rue Kasr-el-Nil, 19 (Vicdel.).

Kehl-a/Rh. (German., Alsace-Lorraine). — A. Paoli Schwartz, 147, Hauptstr.

Kolozsvar (Hungarujo). — Béla David, Universitata oficisto (Vicdel.).

Konakri (Afriko, Guinée). — Maurice Girardot, Hôtel Dubot.

Krylov (Rusa Polujo). — Zygmunt Blotnik, farmaciisto.

Le Blanc (France, Indre). — Godard, profesoro de Kolegio.

(2) Kiam niaj Del. liveris al ni du ciferojn por sama rubriko, ni ĉiam elektis la pli malaltan.

Leisnig-s/Sachsen (German. Saksujo). — D-ro Paul Haller.
Le Péage-de-Roussillon (France, Isère). — A. Royet, farmaciisto.
Liestal (Svisujo). — Fritz Kœttgen, komercisto.
Prag-Weinberge (Aŭstrio, Bohemujo). — D-ro Ernst Bausenwein, profesoro.
San Feliu de Guirols (Hispan., Gerona). — Vendrell, Str. del. May, 27.
Sissach (Svisujo, Basel). — Ludwig Berchtold, tipografisto (Subdel.)
Stokton-on-Jees (Anglujo, Jorshire). — F-ino M. S. Scott, Windsor Cottage. Windsor Roade.
Troyes (France). — Romain Petelin, 12, Cour du Ravelin (Vicdel.).
Volas-Mezirici (Aŭstrio, Moravio). — Frant, Holešovski, Krasnovodni ul 63 (Vicdel.).
Vendeuvre (Franc., Aube). — Gérard, instruisto (Subdel.)
Zabreh-s/Odra (Aŭstrio, Moravio). — Josef Jerabek, instruisto.
Zamora (Hispan.) — Augustin Santamaria.
Zašova (Aŭstrio, Moravio). — Vojtech Zrunck, narodni škola.

**Ŝanĝoj.**

Barmen : La Del estas nun, P. Tarnow, Brucherschulstr 7. — Birmingham (Anglujo) : La Del. loĝas nun, F. W. Hipsley, 156, South Road, Erdington. — Bourg : La Del. estas nun, H. Huttin, notario, rue du Quatre-Septembre. — De Jutryp (Nederlando, Frieslande) : La Del estas, W. P. Cnossen (ne Gnossen). — Elberfeld (German.) : La Del. estas nun, H. Weber, instruisto, Dewerthstr 109. — Graz : La Del. estas nun, Rudolf Pettera, Netzgasse 11, — Halberstadt : Hans Berthold, Harzstr 14, — Hilversum : La Del. loĝ. nun, J. Fr. E. von Rœmer, Sophias Hoeve, Bussumergrindweg 41. — Münster : La Del. estas nun, Otto Marquard, Industriestr 26. — Nazli : La Vicdel. estas nun, Mowsa Riarim, infanteria leŭtenanto. — Pleven : La Del estas nun, Simeon N. Ĉorbaĝiew, studento, poste restante. — Zolotonoŝa : La Del. loĝas dum somero, A. Andrievski, Torgovaja 17 kv. 29 Odessa. Ĉiujn korespondajojn bonvolu adresi al nova Vicdel. Abram Klimovskij Ĉerkas. ul. 20, Zolotonoŝa.

**Lokoj, kie ne plu estas Del.**

Alger. — Braga. — Esschen. — Glarus. — Spandaŭ. — Zittaŭ.

**Citoj**

G. Peramo, Del. de Almeria, pro nesendo de la raporto (2a cito).
P. Kreuzmann, Del. de Altenberg, sama kaŭzo (2a cito).
J. M. Lozano, Del. de Albarracin sama kaŭzo (2a cito).
E. Altavas, Del. de Aïbar, sama kaŭzo (2a cito).
Andreasen, Del. de Funchal, neresp. de informpeto (2a cito).
H. Monsen, Vicdel. de Helsingfors sama kaŭzo (1a cito).
J. Trautner, Del. de Kaiserlautern neresp. al 2 leteroj de sia Distr. Del. (1a cito).
N. Gonzalvez, Del. de Linares, sama kaŭzo (1a cito).
J. Rodriguez-Huertas, Del. de Malaga sama kaŭzo (1a cito).
K. Szepe. Del. de Kiev. neresp. al informpeto (1a cito).
La Del. ne respondontaj post 2a cito estas forstrekitaj, laŭ la regularo.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Paris. — Nussbaum t. Hérold, 67, rue Montorgueil, kanfabrikistoj.
Paris. — Tutmonda Amikaro de Publikoficistoj.
Saint-Etienne. — Grupo Esp. « Ĉiam antaŭen ».

## FAKAJ ORGANIZAĴOJ

### Vegetaranoj

Okaze de la Germana Kongreso en *Lübeck*, S-ro O. Bünemann konsentis kun la restoracio « Zum Deutschen Kaiser », Kœnigstrasse, 41, por havigi al samideanoj vegetarajn manĝajojn.

La 5a de junio estos organizata vegetara festeno en la supreciti restoracio ; partoprenontoj estas petataj sin konigi al.

S-ro O. Bünemann,
Eidelsterweg, 121, Hamburg, 31.

# Esperantia Parolejo

**Oni proponas !**

Sub tiu titolo ni *resumos* la proponojn rilatantajn al U. E. A. kaj kiujn ni pro manko de loko ne povas plene publikigi. Ĉiuj informoj por tiu rubriko devas esti skribataj sur aparta folio aŭ poŝtkarto.

Ni volonte ricevos, por nia propra ekzameno, ĉiujn rimarkojn, kiujn sugestios tiuj proponoj, sen promeso pri publikigo.

∴

∴ S-ro F. Lotte, Esp-iano en *Varsovio*, proponis en la Esp-ia regiona kunveno, ke estu eldonata nomaro de ĉiuj Esp-ianoj.

∴ Fino J. U. V. Twisk, Esp-ianino en *Rotterdam*, proponis ĉe la Esp-ia regiona kunveno, kiu unuanime aprobis, ke la adresaro de la Esp-ianoj en Rotterdam (ankaŭ montranta la profesion de la membroj) estu presata en oficiala formato, plue ke la Centra oficejo en Ĝenevo instigu la aliajn Del. fari la saman por akiri tiamaniere plenan adresaron de la Esp-ianoj (ĉiu regiono pagu sian propran adresaron).

∴ S-ro A. Reni, Esp-iano en *Verona*, proponas, ke, laŭ la ekzemplo de la Itala Turing-Klubo, U. E. A. starigu premiojn (medalojn) por la personoj, kiuj varbos grandan nombron (fiksotan) de Esp-ianoj.

∴ S ro Foss, Del. en *Ufa*, proponas ke fondiĝu speciala faksocieto inter Espianoj *bestkuracistoj*. Oni sin turnu al li.

∴ S-ro Ŝulc, Esp-iano en *Lodz*, anstataŭ sendi telegramon al edziĝfesto de sia konatulo S-ro Muhatajev, el Serpuhov, (valoro 1 Sm) donacis ĝin al la centra kaso de U. E. A. Li proponas, ke la Esp-ianoj tion imitu por pligrandigi nian financpovon (aprobita ! Red).

**Vojaĝo al Skotlando 1911**

Ĝis nun nur unu samideano respondis al mia alvoko pri vojaĝo al Skotlando antaŭ la kongreso en Antverpeno. Se ĝis la I. Majo ne kelkaj pluaj Esp-ianoj aliĝas, ti montrus ke tiaj vojaĝoj ne estas en nuna tempo efektivigeblaj kaj ke ni devas prokrasti ilin ĝis la nombro de Esperantistoj estos dekobliĝinta. Mi nun ripetas lastfoje mian alvokon kaj volonte informos pri detaloj.

D-ro M. Kandt (Del. Bromberg)

**Per U. E. A.** — *Vojaĝoj*. — Tre ofte ni ricevis de niaj membroj leterojn en kiuj ili raportas pri la servoj kiujn ili ricevis per U. E. A. dank al la helpo kaj sindonemo de niaj Delegitoj ; multaj el tiuj leteroj estus plene enpresindaj. Pro manko da loko, ni tre bedaŭras ke ni estas devigataj citi en tiu rubriko nur la plej interesajn.

S-ro Mileo Georgieff, esperantiano el Sofia, Bulgarujo, tute speciale dankas la Del. de Ivry-sur-Seine kaj Hennebont, dank al kiuj li, kvankam ne sciante la francan lingvon kaj neniun konante en la diritaj urboj, pasigis en ili plej agrablajn tagojn. Proksime de Lorient, li vizitis kun S-ro Del. Mariette la insuletojn de Groix, Port,Larmor. « Mi neniam povos forgesi tiun ekskurson, li diras ; ges-roj Mariette min akceptis tiel bone kaj volonte ke mi ne povis pensi ke mi estas en domo kies gemastrojn mi konas nur per korespondado ».

S-ro C. G. Steckenburg Beltrum, Holando, dum dekkvar tagoj ricevis en Praha plej koran akcepton de niaj samasocianoj kaj pro tio speciale dankas S-rojn L. Günsburg kaj A. Echstein.

# Esperantia Vivo

Filo naskiĝis al nia Del. V. Pohusta (Trieste, Aŭstrio) : lia dua antaŭ nomo estos *Espero*.

**Esperanto-Komercistoj ! Esperantista Publiko !**

Por plifaciligi la reciprokajn interrilatojn inter negocistaro kaj aĉetantoj fondiĝis antaŭ kelkaj jaroj la *Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo* Th. Anding Berlin S. W. 48, kiu celas utili ne nur al la amaso de Esperanto-Komercistoj k. t. p. sed ankaŭ al la Esp. publiko mem.

Jam post mallonga tempo estis necese plivastigi la laboron de la T. E. A. Hodiaŭ ĝi jam posedas agentojn en kelkaj landoj ekz. : en Germanujo S-ro Ernst Wiebert, Charlottenburg, Leibnizstr., 25, en Francujo S-ro M. Génermont, Paris, 55, rue des Saints-Pères, en Rumanujo S-ro Em. F. Nicolau, Bukarest, Decebal, 5). Tiuj agentoj estas pretaj liveri informon pri la institucio de la T. E. A. ; fidindajn personojn la T. E. A. tre volonte akceptos kiel agentojn.

Por plifaciligi la internaciajn laborojn la T. E. A. estas Esperantia entrepreno kaj kontulo ĉe la Ĉekbanko Esperantista en London.

Provizora klarigo pri la « laborfakoj » de la T. E. A. montros ĝian efikan aranĝon :

1e Kolektado kaj presigo de anoncoj por ĉiuj Esp. kaj naciaj gazetoj, kongreslibro k. t. p ;

2e Multobligo, presigo kaj dissendado de reklamfolioj k. t. p. en Esp. kaj nacia lingvo ;

3e Tradukado de ĉiuspecaj verkoj el fremdaj lingvoj en Esperanton kaj en ĉiun ajn lingvon nacian ;

4e Aranĝo de specialaj paroladoj pri kaj en Esp., de Esp.-Kursoj ;

5e Turistaj, komercaj kaj sciencaj informoj pri ĉiu regiono k. t. p ; gvidado de fremduloj tra urboj, muzeoj, fabrikoj k. t. p. ;

6e Aranĝo de Esp. ekspozicioj memstaraj kaj de partekspozicioj ĉe grandaj internaciaj ekspozicioj ;

7e Stenografia fiksigo de paroladoj pri kaj en Esp. kaj pri aliaj temoj ;

8e Kontrakta solvendado de Esp. specialaĵoj k. t. p. en ĉiu lando.

Ĉiutage kreskas la nombro de mendoj kaj la amplekso de laboroj ; ekz. la T. E. A. havis la honorigajn taskojn kolekti anoncojn por la kongreslibroj de la Va kaj de la VIIa Esp. kongreso la Va germana kongreso.

Oni komprenos, ke la T. E. A. ne nur laboras per Esperanto sed ankaŭ tre intense por nia kara lingvo kaj precipe por la Esp. kongresoj, por la Esp.-gazetoj kaj por ĉiu malforta esperantisto, kiun la T. E. A. per iu el siaj laborfakoj povas helpi.

Do ĉiu, kiu volas, ke Esperanto progresu inter la tutmonda komercistaro, uzu la servojn de la T. E. A. !

Impresaj rekomendoj kaj referencoj pri la fidindeco de la T. E. A. estas riceveblaj de : S-ro Th. Anding, Berlin S. W. 48.

---

# REKLAMO

## TARIFO

### Anoncetoj.

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj):$ 0.20 (= 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj) : $ 0.15 (=40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

### Reklamo.

*1 linio aŭ ĝia spaco Sm. 0.20 (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o ; por 12 enpresoj, 25 o/o ; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, Xe ; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.* ; Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Anding, *Berlin, S. W. 48* ; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig* ; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo.*

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L= *letero.* PK=*poŝtkarto.* PI=*poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* b.fl. = *bildflanko.*

---

Paris (Franc.). — S-ro Braun, 11, rue de la Ferronnerie.

Kassel (Germanujo). — Otto Sandrock, Grüner Weg. 19, PI. nur kun Ital., Portugal., Skandivav-Balkan kaj neeŭropaj landoj.

Spalato (Aŭstrio, Dalmatujo). — S-ro A. Carlo Petrenio, Banca Commerciale de Trieste, PI. PM.

Dunaföldvar (Hungar.). — S-ro Prof. I. Kelemen precipe kun geprof. kaj geinstruistoj, sed resp. al ĉiu.

Elberfeld (German.). — F-ino E. Hennecke, PI. L.

Danville (Usono, Penn'a). — S-ro Curtis Lore, 111 W. Market St. PK. kun ne-eŭrop. kaj Nord-Amerik. (PM. b. fl.).

Zolotonoŝa (Rus. Poltava). — S-ro Ab. Klimovskij, Ĉerkas. ul. 20 pri vivo kaj moroj de ĉiuj landoj escepte Rus. L. PI. PK.

Hildesheim (Germ.). — S-ro H. Vree, Butterborn, 20 PI.

Petrozavodsk (Rus. Olonetzkaja gub.). — S-ro Vasilio Ĉernojarov, Ekaterinskaja ul. 26, oficisto, PI. — F-ino Zina Gorche, uĉ. VII. kl. de ĵensk. gimnazio PI. — F-ino Anna Maĥova, Sirokaja ul. No 4 PI.

Weissenfels-a/Saale (Germanujo). — S-ro Fritz Wolff, Weinbergstr. 17 II. PI. L. PM. kun aliland.

Selo Bogorodskoje, Nijegorodskoj gub. (Rusujo). — S-ro Igor Aŝeŝov. — Nur kun Turkoj, Grekoj kaj ne-eŭropanoj. PI. L.

Reval (Rusujo). S-ro E. Agronomof, Tatarskaja 12-2 PI. (vidaj. kaj tipoj).

Nijnij-Novgorod (Ruslando). — S-ro N. Pestov. Plotniĉnij pe. 22. Kun neeŭropanoj, turkoj, grekoj, kaj danoj. PI. b. fl.

Wiŝnij Woloĉok (Rus. gub. Tvera). — S-ro Witold Raczkiewiez, d. Vafej. L. PI.

Prostejov (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Ruza Valova, filino de komercisto, Brnenska trida 41, PI. PN.

Rakosliget (Hungarujo). — S-ro Aladar Zador VI. u. 13 sz. PI. PK.

Saratov (Rusujo). — S-ro E. V. Stupin, Gorodskoj korpus, no 13, PI.

Odessa. (Rus.). — S-ro J. Bezikovitch, Ekaterina str. 14. PM. ; li neniam unua sendas ; rekomendu sendaĵon.

Moskvo (Rusujo). Prof. N. J. Bogolubskij, universitato. PI.

Kladno 174 (Aŭstrio. Bohem.). — S-ro Rudolf Novij, PI. PM. gazet. (PM. b. fl.).

Kroĉehlavy (Aŭstrio, Bohem.). — S-ro Tomas Ĉech, Zizkova ul. 98, PI.

Barcelono (Hispan). — S-ro Augustin Giiel, str. Tallers, 27, PK.

Semily (Aŭstrio, Bohem.). Stanislav Noziĉka, imposta oficisto, L. PK. PI.

Trieste (Aŭstrio). — S-ro Benrich Arminda Via Piccolomini 6, PI. — S-ro Clemencich Maria, Via Toro 5, PI.

Montreuil-sous-Bois (Franc., Seine). — Grupo Esp. por adr. Jules Veillard, 51 Strato Tourelle, PI. resp. per PI. de Parizo.

Maria-Heide (Nederlando, Veghel.). — S-ro P. A. Schendeler, Lernejestro PI. L.

Moskvo (Rusujo). — S-ro S. Kovner, M. Tolmaĉevskij per 8, PI. L.

Varsovio (Rusa Polujo). — S-ro Jos. Litauer, str. Ogrodowa 3, PI. kolorigitaj (PM. b. fl.).

Petrozavodsk (Rus., gub. Olonetzkaja). — S-ro Joano Plotnikov, Ŝirokaja ul. n° 14. — S-ro Johano Belousov, hospitalo.

Magdeburg (Germ.). — S-ro A. Scharnagl, Anhaltstr 11a I. Resp. ĉiam kaj tuj.

Gomersal near Leeds (Anglujo). — Ges-roj F. Wright, arĥitekto kaj F-ino E. Wright, buterfaristino, Hunsworth Lodge, PI. kun aliland. interŝ. spritaĵojn.

Toulouse (Franc.). — S-ro Laveran, 11, rue Caffarelli, PM. L. PI. (p. m. b. fl.)

Gerona (Hispan., Kataluna). — S-ro Vilmeno Godoy, Subida Sto Domingo n° 2-3-2.

Salvador (Brazil., Bahia). — S-ro Jayme M. de Souza, rua de Sta Thereza, 1, 2° and. PI. PM.

Warnsdorf (Aŭstrio, Bohem.). — S-ro Eduard Liebisch. kasisto de Ia Germ. Esp. Grupo. PI. — S-ro Karl Grohme, ĝardenisto kaj sekretario de la Ia Germ. Esp. Grupo, L. — S-ro Robert Hoffmann, komercisto 1204 IV. PM. nur kun ital., hisp., portugal, kaj neeŭrop.

Saint-Denis (Franc., Seine). — S-ro Ricout Michel, 7, Place Victor-Hugo, 7, PI.

Barcelono (Hisp.). — S-ro G. Romagosa, str. Basca 18, PI. (p. m. b. fl.), kun Sved., Svis., Ital., Portug., Grek., Turk., Serb. Ruman., Luxemb., Monako, Kreto, Gibraltar, Montenegro, S. Marino, Malta kaj Liechtenst. Interŝ. fotokartojn kun fotografamantoj kaj koresp. Aore. Serĉas koresp. el Azio, Afriko kaj Oceanio.

Nancy (Franc.). — S-ro P. Martin, musicien au 69e, PI. PM. kun, Afriko, Azio, Aŭstralio, Brazil, Centra Ameriko.

Kolozsvar (Hungar.) — Otton Amon, verkisto (Poŝtdirekcio) PI, speciale pri *socialaj* temoj. — Arpad Biro, Stenograf-profesoro (Karolina tér.) PI. — Illés Marinka, profesor-kandidato (Universitato), PI.

Reval (Rusujo). — J. Grüntal, fotografisto, Grosse Ioahimstal strasse No 34 kun ĉiulandaj fotografistoj kaj-inoj. Profesia scienca celo. P. I. fotografaĵoj. Tuj dankeme respondas.

Novoĉerkask (Rusujo, Dona). — S-ro B. Popov, Mariynskaja, 36, PM.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). PI.

Dresden (German.). — S-ro M. Taeschner, Eisenacherstr, 5. L. kun aliland., li kolektas PM.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

# RIGA STELO

Esperantia entrepreno

Eldonejo de l'Esperanta Universal-Biblioteko

Monata revuo en la lingvoj Rusa kaj Esperanto por la praktika uzado de la Lingvo Internacia

*kaj UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO*

Abonprezo : 10 N-oj, Sm. 2.00; Por la Delegitoj de U. E. A., Sm. 1.50. La Delegitoj de U. E. A. en Ruslando ricevas la gazeton senpage. Kun aldono de literaturaj suplementoj.

*Esperanta Biblioteko Internacia*, Sm. 3.00; Oficiala Jarlibro, Sm. 0.50; Specimenaj kajeroj, Sm. 0.20.

Konto ce la Esperantista Ĉekbanko en Londono.

Redakcio kaj administracio : *Riga*, Krebsstr. II. Tel. 5288. Grava reklamilo por la *Importo en Ruslandon*. Mendu reklamtarifon.

Ĉiu nova abonanto ricevas senpage *Jarlibron de U. E. A.*

## "Pelikan"

Tra la tuta mondo la nomo estas konata. Ĉu ĝi ne-ankaŭ troviĝas sur via inkboteleto? Se ne, tuj provu inkon "Pelikan"! Ĝi estas fabrikaĵo de perfekta kvalito, same kiel skribrubandoj kaj karbopaperoj de l' marko "Pelikan". Via paperisto ilin liveras al vi, sed postulu la markon "Pelikan"! Prospekto esperanta N-ro 215 senpage sendata de la fabrikanto

Günther Wagner Hannover (Germanujo) kaj Vieno

## SAMIDEANOJ, ATENTU!



Novajn insignojn fabrikas la firmo

### H.-E.-D. AUDOIN

*81, Rue de Beaubourg, PARIZO*

**Dika stelo**, *verda emajlo* kun ora rando; uzebla kiel broĉo, kravatpinglo, ĉenpendaĵo aŭ por butontruo.

**Prezo** : 0.24 Sm.; po 10 : 2 Sm.; po 50 : 8 Sm.; po 100 : 14 Sm.

*El arĝento* : 0.60 Sm.; *orita arĝento* : 0.90 Sm.; *el oro* (18 karatoj) : 4.80 Sm.

**Ĉenpendaĵoj** « Esperanto », ambaŭflankaj; arte kaj zorge farita laboro.

**Prezo** : 0.48 Sm.; po 10 : 4 Sm.; *El arĝento* : 1 Sm.; *orita arĝento* : 1.80 Sm.; *el oro* : 7.20.

Sendo afrankita; pago per mandatoj aŭ poŝtmarkoj.

### RABATO POGRANDE

**Ĉapelpingloj** por S-inoj; prezo : 0.30 Sm.; po 10 : 2.40 Sm.; *el oro* : 7.20 Sm.

**Insignoj** por ĉiaj societoj; medaloj, metalmarkoj, skulptaĵetoj, diplomoj, sporto, gimnastiko, festoj, muzikistaroj.

**Flagoj** por konkursoj, **Mortotukoj**.

Rabato al Esperantistoj. Ilustrita katalogo senpage ricevebla laŭ mendo.

LA ENAMIĜO DE LA NACIOJ. — S-ro Higgie, del., U. E. A., Rotseo (Rothesay), Skotlando, estas preparanta 16 paĝ. broŝuron, enhavantan sendependajn artikoletojn de diversaj landoj, mendas por ses poŝtaj kuponoj 350-vortajn artikoletojn, respekte petas el ĉie.

SENPAGAJ INSTRUKCIOJ pri hipnotismo kaj pri magnetismo. Sin turni al Societo Psychique, Paris XIX^e^, 142, rue Flandre.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastia (Hispanujo).

FRANCAJ DELEGITOJ ATENTU! — Antaŭ kelka tempo franca delegito sendis al la Zuriĥa delegito leteron kun la peto ke oni sendu al li adresojn de silkofabrikistoj. Ĉar tiu letero iel perdiĝis oni tre petas tiun delegiton ke li ripetu sian deziron kiu poste tuj estos plenumita. — Karl Jost, Del. de U. E. A., Zürich, Culmannstr. 57, Svisujo.




Adreso: Praha II. Dittrichova ul.7.

Prezo 75 ctm.

10 ekz. Sm. 2.70



**SHERLOCK HOLMES EN SERVO DE LA HISPANA TRONO.**

# LINGVO INTERNACIA

*Centra organo de la Esperantistoj*

La plej malnova el ĉiuj Esperantistaj gazetoj. Fondita en 1895

APERAS INTER LA 15-20 DE ĈIU MONATO

**Abono : 5 fr. (2 $)**

# JUNA ESPERANTISTO

*Monata beletristika Gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj*

Ordinara enhavo : Rakontoj kaj Noveloj, Fabeloj, Poemoj, Lingvaj ekzercoj, Amuzoj, Problemoj

**Jarabono : 2.50 fr. (1 $)**

*SPECIMENO SENPAGE RICEVEBLA*

**Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, 33, PARIS**

## MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ

Marŝu antaŭen, Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Dissemantoj de vivo kaj am' !...
El ĉiuj landoj, de ĉiuj rasoj,
De ĉiuj partioj kaj religioj
Eklevu unu vokon, eklevu unu kanton,
Parolu unu lingvon, parolu Esperant' !
Nek riveroj, nek Alpoj, nek maroj
Estu baroj al frataj rilatoj,
Kaj suspektoj, konfliktoj, malamoj
Malaperu tra la tuta mond' !
El frostaj maroj al landoj varmegaj
Kaj el la uragana al kvieta oceano,
Kunplektu, gefratoj, l'amikajn viajn manojn
Ĉar sun' profetita leviĝas jam !

L. Scarselli.

N. B. — Por akiri muzikaĵon de tiu poemo, sin turni ĉe n. E. O. aŭ ĉe l'aŭtoro en Firenze. via del ·'Agnolo 48.

Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).








*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).




# ESPERANTO-OFICEJO

**Sinjorino FARGES, 36, strato Victor-Hugo, LYON (Franclando)**

*Ricevinta la 1-an premion en la konkurso de U. E. A., en la V-a kongreso en Barcelona*

Informejo por la fremdaj geesperantistoj. Centra propagandejo por la Rodana regiono.

Vendejo de ĉiuj Esperantistaj libroj kaj jurnaloj kaj ĝenerale de ĉiuj Esperantaĵoj.



## BUSTO de D-ro ZAMENHOF

*Verkaĵo de Jean CHOREL*

Lyon'a Skulptisto, Medalita de la Paris'a Salono. — La Majstro pozis speciale en Lyon je Septembro *1909*-a.

Ĝipsa kopiaĵo alta je 18 cm., larĝa je 13 cm., en kartonskatolo

Prezo nete : **5 frankoj - 2 $**

Gravaj rabatoj por la Esperanto-Oficejo

Ligna kesteto (1 fr.) estas rekomendata por la sendoj al fremdaj landoj

La aĉetanto pagas la sendelspezojn plie

**Silkaj Esperantistaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj. — Silkaj ĉiunaciaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**

Ĉiu flageto : **0** fr. **20** (0 $ 08)

*Specialaj prezoj pogrande por la Oficejoj, Grupoj kaj Societoj*

**LYON** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj.

**VIENNE** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la antikva romana urbo.

*Kun klariga teksto en Esperanta kaj Franca lingvoj*

| | | |
|---|---|---|
| La kolekto da 20 | **0** fr. **85** | (0 $ 34) |
| — 100 | **3** fr. **50** | (1 40) |
| — 500 | **15** fr. **50** | (0 20) |

**4 malsamaj poŝtkartoj pri la Ruĝa Kruco Esperantista**

(eldonitaj de la Lyon'a Esperanto-Oficejo)

| | NIGRAJ | KOLORIGITAJ |
|---|---|---|
| La kolekto | **0.40** (0 $ 16) | **0.60** (0 $ 24) |
| 100 | **4.00** (1 60) | **6.50** (2 60) |
| 500 | **18.50** (7 40) | **21.00** (8 40) |

**SAINT-ETIENNE.** — 12 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj, kaj kelkaj vidaĵoj de Rochetaillée.

La kolekto : **0** fr. **50** (0 $ 20)

**Esperantistaj Sigelmarkoj** (verda stelo sur blanka fundo kun la vorto « *Esperanto* ») glubavantaj sur la dorsa flanko, gluigotaj sur leterpaperoj, kovriloj, afiŝoj aŭ en kunvenejoj kaj vagonfakoj. Bonega propagandilo.

| | | |
|---|---|---|
| 500 markoj | **1** fr. **50** | (0 $ 60) |
| 1.000 markoj | **2** fr. **50** | (1 $ ») |



**La Firmo S. FARGES estas :**

La plej granda presejo kaj eldonejo de poŝtkartoj en Lyon ;

La plej granda vendejo kaj interŝanĝejo de poŝtmarkoj en Lyon.

*Oni sendas kolektojn por elekti kontraŭ monsumo*



La « Esperanto-Oficejo » deziras ricevi broŝuretojn, foliojn, specimenojn kaj proponojn pri propagando kaj komerco.



## Kvaroncentjara SPERTO pri Publikigarto



# ILUSTRIGU



*VIAJN*

**ENPRESAĴOJN**

*KAJ*

*ĈIUJN VIAJN*

**PRESAĴOJN**

*PER*

*LA*

**PUBLICITE**



**Esperanto**

**HERLEMONT**

**25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (Xe)**

Grafikaj Artoj de Publicite " ESPERANTO ", Herlemont

## S.-PETERBURGO

Plenaj kolektoj vidaĵoj de Sankt.-Peterburgo, ordinaraj kaj koloraj po $ 2-2.50 kaj 3. Albumoj panoramaj tre riĉaj $ 5. — 10 kaj 15. Sin turnu al S-ro J.-N. TASOVSKIJ (Russie), S.-Peterburgo, Vasiljevskij Ostrov, 16 linija d. N· 23 kv. 3· Poŝtmarkojn ne akceptas.

# HOTELO

## LOUIS-LE-GRAND

**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

BORDEAUX-VINOJ

# Firmo Emile LAMY, Posedanto

*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvoroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al Sro **Arnoux,** sola agento, 11,strato Chaligny, Paris (Franclando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.